XVIIIa jaro. No 259 (3) ⋆ Monata ⋆ Marto 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Frankoj | Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2.— Frankoj |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Frankoj | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Franko |
| Unu numero | 1.— Franko | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Franko |
| *Svisa poŝtĉeko I.2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Rabatoj: 3 enpresoj 10°/o; 12 enpresoj 25°/o* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Infanoj pri Esperanto

La preparado por la Ĝeneva konferenco bone progresas. Speciale niaj britaj samideanoj montras la ekzemplon, ĉar ili anoncas 25 spertajn partoprenontojn. Estos reprezentataj preskaŭ ĉiuj anglaj aŭ skotaj lernejoj, kie nia lingvo estas jam oficiale instruata.

Pro la monvaluta malfacilaĵo kompreneble ne ĉiuj landoj povos esti tiel multnombre reprezentataj. Ni jam estos tre kontentaj se ili sukcesas sendi po kelkaj kompetentaj delegitoj. Tion la naciaj societoj konsideru kiel nepran devon por ebligi kiom eble plej internacian ekzamenadon de la problemoj diskutotaj. Samtempe ili rapidu elekti reprezentanton sian en la komisionon ekfonditan en Praha.

Malgraŭ ĉio, certe multaj el la plej utilaj atestantoj ne povos mem ĉeesti la konferencon. Tamen necesas, ke ilia sperto ne estu perdita. Ĉiuj ni admiris la bonegajn dokumentojn pri la nun fama „Ecclesa Eksperimento". Tian dokumentaron ni bezonas nun internacian kun ĉiuj gajnoj el la reciproka interŝanĝo kaj komparo de rezultatoj. Jam tre interesajn raportojn ni ricevis. Tutkore ni esperas ke ĉiuj spertaj atestantoj, kiuj ne povos veni Ĝenevon, bonvolos sendi sian raporton skribe, laŭ la plano de la demandaro presita en nia Februara Numero. Tre valora estos tiu helpo.

Svisa instruisto, S-ro Humberset, el Le Locle, havis la bonan ideon ankaŭ sendi memvolajn atestojn de knaboj lernintaj esperanton antaŭ kelkaj jaroj. Jen utilega ekzemplo. La atestoj estas tute liberparolaj, senkaŝaj. Oni sentas ke la skribintoj tute ne celis plaĉi al iu ajn. Ili tre simple kaj lojale diras sian impreson pri la lernado de esperanto kaj kion ili gajnis per tio.

Unu tute senĝene konfesas ke li neniam ŝatis gramatikon kaj estas al li plene egale ĉu esperanto havas „logikan valoron" aŭ ne. Li nur konstatas ke li sukcesis lerni la lingvon, dum li malsukcesis ĉe aliaj lingvostudoj, sed ĉefe li priskribas ĉion, kion alportis al li tiu nova kono: ekintereso pri fremdaj popoloj, emo legi alilandajn verkojn, korespondado kun diversnaciaj knaboj, tute nova kompreno pri la homa kaj monda vivo, sento pri homara solidareco, gusto je pli larĝaj ideoj k. t. p.

Kiel interese estus kolekti kelkajn centojn da tiuj respondoj! Sendube tre diversaj ili estus, eble eĉ kontraŭaj unuaj al aliaj. Instruantoj de Esperanto en lernejoj, petu tiajn atestojn kaj havigu ilin al ni! Klopodu ke ili estu libere verkitaj sen la devigo aŭ kontrolo. Nur tiel ili povas plene valori.

Nia tempo estas epoko demokrata. Eĉ la voĉo de l'infanoj devas esti aŭdata. Ilia atesto ankaŭ povas helpi nian aferon. Ni estos sincere dankaj al ĉiuj, kiuj povos partopreni per tiaj sendaĵoj la gravan taskon de la Ĝeneva konferenco.

La tuta materialo estos zorge klasigata kaj utiligata. Al la esperantistaro ni povos poste doni fortan aŭtoritan dokumentaron. Ĝi estos nia ŝlosilo por malfermi al nia lingvo la pordojn de la ŝtatlernejoj.

*Edmond Privat.*

 SOCIA EKONOMIO 

# Rathenau kontraŭ lukso

de *Ernest Archdeacon*

Mi antaŭnelonge legis francan tradukon de Gaston Raphael pri la plej interesaj partoj de la verkoj de Walter Rathenau, la eminenta ministro de Germanio por eksterlandaj aferoj. Multaj tezoj estas vere nebanalaj kaj meritas esti diskonigataj kaj diskutataj.

Sro Rathenau estas energie malamika al la industrioj ekskluzive luksaj kaj ŝajnas al mi ke li estas tute prava dum tiu ĉi tempo de ĝenerala malriĉeco.

Jen kelkaj elĉerpaĵoj el lia verko:

---

Tutaj tagoj kaj jaroj disperditaj por maldaŭra ĝuo estas neanstataŭigeblaj. Ili estas ŝtelitaj el la monda kvanto de laboro, kiu estas limigita, kaj ilia rezultato substrahita el la malgranda sumo de laboro farita sur nia planedo.

Estas ĉies rajto profiti el la laboro de ĉiuj. Al ĝi partoprenas ĉiuj homoj unuigitaj per nevideblaj ligiloj. Tutaj jaroj da laboro dediĉitaj al grandvalora brodaĵo, al luksa tapiŝo estas neripareble perditaj por la vestiĝo de la malriĉuloj; la herbobedoj de parko kies herbeto estas tondita sesfoje, ĉiujare estus produktintaj tritikon malpli kare; plezurjaĥto kun sia ŝipestro, ŝipanaro, karbo, ĉiuspecaj provizaĵoj, estas dum sia ekzistado grandega perdo por la produkta monda martransporto.

Je la ekonomia vidpunkto, la Universo kaj la nacio estas asocioj de produktantoj. Iu kiu disperdas laboron aŭ laborilojn ŝtelas la kolektivaĵon. La konsumado ne estas privata afero, sed ŝtata, morala, homara afero.

El tio rezultas du konsekvencoj: la kolektivaĵo devas zorge kontroli la uzon de la diversaj materialoj kaj speciale de la plej ŝatinda el ĉiuj: la karbo. La leĝoj devus dekreti la devigan distiladon de la terkarbo permesante nur la uzon de la restaĵo por produkti varmon; la leĝo devas ankaŭ malhelpi la disperdon de laboro kaj energio rezultantaj el difektaj instalaĵoj aŭ ekonomiaj eraroj.

Same kiel ekzistas organizaĵoj por kontroli la sendanĝerecon kaj asekuri la laboristojn, same estas necese starigi organizaĵon por la leĝa protektado de la ekonomiaj interesoj kontraŭ la personoj kiuj pro nescio aŭ ŝtelemo volus ilin disperdi.

Same ni devus haltigi la troan konsumadon t. e. la lukso, per altegaj impostoj.

Oni ne devas preteksti ke la priluksaj impostoj estas trompaj, ĉar ili kaŭzas malpliigon de la konsumado. La ŝparoj tiel realigitaj kompensus pli ol la perdo sur la impostoj. Se oni komprenus ke ĉiu perla ĉirkaŭkolo egalvaloras la elspezojn por la prizorgo de granda terposedaĵo, aŭ devigas nin pagi al fremdaj nacioj rentojn egalajn je la produkto de granda farmbieno, ke ĉiu milo da ĉampanboteloj englutas la koston de l'edukado de scienculo aŭ teknikisto, ke la kosto de niaj importadoj je silko, birdplumoj, parfumoj, k. t. p. sufiĉus por malaperigi la malriĉecon en nia lando, ke la diferenco inter nia konsumado de alkoholo kaj tiu de Usono, egalvaloras la koston de niaj militimpostoj, se oni ekvidus tion, kaj multajn aliajn faktojn, oni ne komprenus, ke la socio permesas tian disperdon de la publika havaĵo.

Oni starigis ĝis nun imposton sur la rentoj kaj sur la plivalorigo sed ne sur la konsumado, kaj fakte la konsumadon la socio rajtus taksi antaŭ ĉio. Devus esti laŭ jena regulo:

Por pli ol fiksita necesa sumo de rento la Ŝtato kolektas almenaŭ unu markon po marko de rento plia. Ĉu oni devas tiam forigi iun ajn lukson kaj sin dediĉi al severa puritanismo? Ne!

Nur kiam la Socio mem organizos festojn, ĝi rajte povos, kiel signo de libereco kaj malavareco, imiti la lukson de Roma kaj Ateno, Venezia kaj Augsburg, Versailles kaj Potsdam.

La neceso modifi la nunan kondiĉon de la divido de la bienoj rezultas el du konstatoj kiujn ni povas facile fari ekzamenante nian ekonomian kaj socian vivon.

Ni supozu ĉiujn bienojn poseditaj de unu nura persono, ĉu privatulo, ĉu ŝtato, ĉu societo de ŝtatoj; la situacio de la neposedantoj estus verŝajne plibonigita. Sekve de traktadoj kiujn la ĉiuposedanta persono estus devigata akcepti, la vivrimedoj de la aliaj estus nepre garantiataj. Tiu unika posedanto antaŭ ĉio zorgus konservi sian situacion kaj transdoni ĝin, sendifekte al siaj idoj. Flanke de tio, li havus neniun profiton suferigante siajn laboristojn, rifuzante al ili rajton al civilizado.

Sed la afero tute ŝanĝas, se, anstataŭ unika posedanto, oni havas dek, cent, aŭ mil posedantojn. Ĉar la pluraj posedantoj nepre grupiĝos. Ili volos kreskigi sian posedaĵon kaj potencon. Eĉ, se ili estas konkurantoj, la subulo estas ilia komuna kontraŭulo.

Nun, ni vidu ĉu la transdono de la bienoj per heredaĵo estas netuŝota aŭ malaperonta. En nia epoko, la rolo de la heredaĵo estas gravega tial ke la plimulto de la nunaj riĉuloj ne perlaboris siajn havaĵojn, sed ricevis ilin de siaj parencoj. Nu, estas kurioze konstati, ke ni ne malaprobas la heredaĵon kiel pliriĉigon. Ni vidas junulojn kiuj regule ĉeestas la ĉevalkuradojn kaj vizitadas la teatrajn kulisojn, elspezante en la daŭro de unu horo pli ol malriĉa poeto aŭ muzikisto elspezas por vivi dum tuta jaro.

En la civilizitaj landoj kiom estas la nombro de tre bonfartaj kaj ankoraŭ junaj homoj kiuj vivas nelaborante! Kiom da neproduktemaj familioj devas esti nutritaj de tiuj landoj dum multaj generacioj?

Kelkafoje, oni protestas se la vantomontrado estas troa, sed oni ne ekvidas en la heredaĵo bedaŭregindan malmoralecon.

En ĉiu ŝtato devus ekzisti nur unu persono senmezure riĉa: la ŝtato mem. Estas ĝi kiu devas uzi rimedojn por malaperigi ja mizeron.

Por malpliigi la lukson, oni devos starigi impostojn des pli altajn ke la produkto, ĉu importita, ĉu indiĝena, estas pli superflua kaj multekosta. Oni taksos la tabakon, la alkoholon, la bieron, la altvalorajn teksaĵojn, la birdplumojn k. t. p.

Por la juveloj, kies importo estas malfacile kontrolebla, oni devos pagi jaran renton: oni taksos ankaŭ la konstruaĵojn aŭ parkojn senutile vastajn, la servistaron, la ĉevalojn, veturilojn, aŭtomobilojn, la luksegan lumigon kaj meblaron, la nobelajn titolojn k. t. p.

Oni devos ankaŭ kontraŭbatali la komercajn kutimojn, kiuj malutilas la kolektivaĵon pli ol iu ajn difekto de la kapitalista organizaĵo, disperdigante multegajn centmilojn da fortikaj homoj en metioj kiuj povus esti plenumitaj de nur kelkaj miloj. Mi celas la butikistojn por kiuj aregoj da komercvojaĝistoj iradas kaj babiladas tagojn post tagojn por montri al ili komercaĵojn kiujn ili ofte ne mendos, kaj kiujn ili tiel bone povus ekzameni en deponejoj por pogranda komerco, kiuj devus ekzisti en ĉiuj urboj.

Estas tute neakcepteble ke inter la produktanto kaj la konsumanto, la prezo de komercaĵo estu plialtigita je 25% aŭ eĉ 100%. Multaj centmiloj da milionoj estus ŝparitaj se per gravega takso oni altrudus aliformiĝon de la butiketoj.

Utilega decido estus ankaŭ ke ĉiuj heredaĵoj de pli ol antaŭe fiksita minimumo apartenus al la ŝtato. Oni kiel eble plej frue devas ĉesigi la skandalon de testamentaj postlasaĵoj ekster la familio. Kompreneble oni ne taksas fondaĵojn publike aŭ private utilajn.

# Valuto

Valuto estas esprimo vivigita kaj konatigita de la milito. Se antaŭ jardeko iu supersagaca homo ekparolis pri valuto, li nepre renkontis surprizitajn okulojn. Ĉar krom borsomakleristo preskaŭ neniu sciis la veran sencon de tiu vorto. En kaŝita anguleto de grandaj ĵurnaloj la tabelo de valutociferoj perdiĝis kaj ne estis rimarkita de la legantaro. Ankaŭ tiuj ciferoj restadis, dum longaj periodoj, nevarieblaj.

Venis la milito kaj subite la valutoanonco fariĝis plej grava. Hodiaŭ ĉiu duagrada lernanto, eĉ la kelnero de hotelo kaj la bela servistino de kafejo legas en sia ĵurnalo la varieblan tabelon. La ĉiutaga vivo dependas nepre de la valuto. La stranga vorto persekutas nin de la mateno ĝis la vespero. Milionoj estas ensorĉitaj de ĝi, ĝis kiam ili pro avido forgesas pensojn, esperojn, ĝojon kaj mizeron, kalkulante nur, streĉante ĉiun vibron de sia estado. Pro iu kaprico subite la valuto ŝanĝas: nia sango pli rapide fluas, la nervoj ektremas kaj la kapo ekdoloras. Magazenoj ĝis nun bone fermitaj malfermas la pordojn, aliaj subite fermas. Tutaj urboj pliviglîĝas kaj gravaj fabrikejoj senlaboriĝas. Jen homo rapide supreniras el nekonateco, el malriĉeco, milionulo li fariĝis en unu nokto. La najbaro apude en kelkaj horoj perdis sian tutan havon.

Antaŭ la borso amasiĝas la homoj. Ruĝaj vizaĝoj, viglege en la aero baraktantaj manoj, laŭta sumado el miloj da diskutantaj buŝoj. Hosuloj kaj besuloj (hausse, baisse) interdisputadas, vetkriadas, kuradas de grupo al grupo, kaj la tuta homamaso moviĝadas kaj boladas, kvazaŭ ĝi troviĝus en sorĉkaldrono.

Kion signifas homoj? Hodiaŭ la valuto regadas en la mondo; ĝiaj kapricoj influas la ĉiutagan vivon ne nur de izolitaj homoj, sed eĉ de tutaj ŝtatoj. La valuto estas sentema kaj kruela, ĝiaj ekskuoj dependas de leĝo nekonata. Kelkafoje ĝi obeas al la premo de iu kaŝita mano, kiu timeme kaj avide etendiĝas el sub ĉifonoj por sin plenigi per oro. Alian fojon ĝiaj hosoj kaj besoj ŝajne senmotive ekflamas kiel fulmotondro. Inter hajlado kaj pluvego pereadas ĝiaj viktimoj, ne sciante kia mistera potenco faligis ilin. La valuto ludas kun la homo, ĝi pli terura estas ol malsano kaj ĝia beno kiel akvoguto vaporiĝas.

Laboro kion utilas, se la rezulto konstante estas neniigita, se niaj klopodoj vanigitaj estas? Tiel longe kiel tiu inkubo de variebla valuto, tiu eterne nekalkulebla kaj kaprica ludo de nekonataj fortoj premadas nian bruston, ni neniel kapablas spiradi regule; ni ŝancelas kiel ebriuloj inter vera malriĉeco kaj imagita riĉeco. Nia vivo moviĝas inter abismoj. Supreniranta valuto devigas nin ŝanĝi iel nian vivomanieron. Ĉiu malsupreniro vanigas tiun nian klopodon. Dum nokto oro pluvas en nian sinon, sed matene ni ne scias kiom de nia havo perdiĝis. Ke do alvenu mateno kiam ni povus komenci denove! Ke ni povus forgesi kio okazis hieraŭ kaj pli frue! Mateno, kiu neniigus ĉiun ŝajne savitan ruinaĵon de nia antaŭa posedaĵo, ĉiun restintan eraron, devon, ŝuldon kaj esperon! Nia mizero eble ŝajnus iom pli ankoraŭ malĝojiga, sed ĝi ne estus tia por ĉiam. Tio, kion ni poste gajnus, estus vera posedaĵo. La forto de la valuto, de tiu kruele sensenca sortludo, estus forigita por ĉiam. Kaj ni estus komencantoj, al kiuj nenio povus malhelpi, vivi laŭ nia gusto kaj esti mem la gvidantoj de nia sorto.

Sed la valuto, besto sovaĝa, restadas kaj terurigas la homaron, ĝis kiam fine la vere paciĝinta homaro ekvekiĝas el sia sorĉo kaj denove ekprenas la sceptron de la prudento. Tiam, sed nur tiam, la mono ree fariĝos la humila servisto de l'homo kaj nia vivo estos vivinda.

*J. Schmid, Bern.*

 ESPERANTO ĈE LERNEJO 

# Ĝeneva konferenco

**18—21 Aprilo 1922**

*Provizora Programo*

| | | |
|---|---|---|
| Mardon 18 | matene 10 | komenca kunsido ĉe la Ligo de Nacioj |
| | ptmeze 15 | komisionoj ĉe la Ligo de Nacioj |
| | vespere 20.30 | Solena Publika kunveno ĉe la Universitato sub prezido de la ĝeneva ŝtatkonsilisto por instruado |
| Merkredon 19 | matene 10 | Laborkunsido ĉe la Ligo de Nacioj |
| | ptmeze 15 | Komisionoj ĉe la Ligo de Nacioj |
| | vespere 20.30 | Akcepto ĉe Instituto J. J. Rousseau |
| Ĵaŭdon 20 | matene 10 | Laborkunsido ĉe la Ligo de Nacioj |
| | ptmeze 15 | Komisionoj ĉe la Ligo de Nacioj |
| | vespere 20.30 | Publika klariga kunveno ĉe la Universitato |
| Vendredon 21 | matene 10 | Solena Finfermo ĉe la Ligo de Nacioj |

Ĉiutage ptmeze: Ekspozicio de lerniloj ĉe la Instituto J. J. Rousseau

*Hotelo de la konferencanoj:* Hotel Richemond, Place des Alpes. Loĝado kaj manĝado 13 fr. ĝis 15 fr. potage laŭ la ĉambroj. Ĉambroj estos rezervitaj nur al tiuj, kiuj estos anoncintaj la daton de sia alveno antaŭ la 5 Aprilo 1922 pere de UEA, 12 Bd du Théâtre, Genève.

*Porlerneja komisiono* elektita de la XIII kongreso. La membroj respondintaj al la cirkulero konsentas, ke la plej urĝa laboro estas zorgi, ke ĉe la Koferencon en Instituto J. J. Rousseau estu donitaj raportoj pri oficiala instruado pri esperanto en *ĉiuj* ŝtatoj. Ĝis fino de januaro ricevis la sekretario promesojn de tiaj raportoj el Ĉeĥoslovakio (s-ro D-ro Kamaryt), Germanio (s-ro D-ro Dieterle), Nederlando (s-ro Sevenhuijsen), Polio (s-ro D-ro Czubryński). La sekretario petas la ankoraŭ nerespondintajn membrojn sciigi al li, ĉu ili estos pretaj verki la bezonan raporton, aŭ nomi personojn, kiuj volus tion fari. Ĉion adresu: D-ro Stan. Kamaryt en Bratislava, Telocvičná 3, Ĉeĥoslovakio.

*Donacoj* estis ricevitaj de la jenaj personoj. Al ĉiuj tre sinceran dankon: S-ro Fleury de la Ruelle, Terrasson 10 fr. Frk; F-ino Astryd Rybö, København 5 d. Kr.; F-ino A. Jörgensen, København 5 d. Kr.; S-ro Romein, Drumpt (Nederl.) 17.50 sv. Frk.; S-ro Furber, Whitechurch (Angl.) 13.50 sv. Frk.; S-ino Tissot-Martin, Basel 100 sv. Frk.; S-ro Haller, Rarschuch 10 sv. Frk.; S-ro Bredall, Croydan 9 ŝ. 6 p.; S-ro Humberset, Le Locle 10 sv. Frk.; Ges-roj Blicher, København 50 d. Kr.; S-ino Mammen, Grenaa 20 d. Kr.; S-ro Brunet, Bordeaux 20 fr. Frk.; Sennoma (trovita en leterkesto), 10 sv. Frk. Esperanto Societo St. Gallen, 20 sv. Frk.; Entute: 283 svisaj frankoj.

# INTERNACIA VIVO

**Internacia Konferenco pri Ĥemio en Lyon.** Laŭ decido de tiu konferenco en Bruxelles dum junio 1921, okazos de la 28 junio ĝis la 2 julio 1922 internacia konferenco pri ĥemio en Lyon. La partoprenantoj ĉefe studos kaj decidos pri: internaciaj laboratorioj por scienca kontrolo de nutrokomercaĵoj kaj de manĝaĵoj; determino de atompezoj; unuformigo de l'terminaro; leĝoj pri internacia higieno. Grandaj vulgarigaj paroladoj estos organizataj por instrui la publikon pri la ĥemiaj progresoj. Fine, okazos vizitoj de fabrikejoj, ekskursoj (ŝipveturado de Lyon al Avignon). Por ĉiuj informoj turnu vin al S-ro Poncet, membro de T. E. K. A. kaj I. S. A., en la Esperanto-Oficejo, 36 rue V. Hugo, Lyon. Por Esperantista agado ĉe la Komitato de l'konferenco, ĉiuj gazetoj estas petataj represi tiun noton kaj sendi unu ekzempleron al S-ro Poncet.

 SCIENCO KAJ EDUKADO 

# Pri nervaj malsanoj

## laŭ teorio de D-ro Adler

de D-ro *Maksimiljano Blassberg* (Krakovo).

La Viena nervkuracisto D-ro Alfredo Adler kreis sciencan direkton, kiun li nomis „kompara individua psikologio". Dum ĝenerale la psikologistoj plejparte observadas, kunmetadas aŭ pereksperimente kreigas la psikajn fenomenojn kaj poste ilin grupigas en ĝeneralajn skemojn kaj sistemojn — tamen Adler kontraŭe akceptinte la unuecon de l'individuo, kiel bazon por esploroj, penas ricevi unuecan bildon pri individua psikologio, bazita sur la apartaj psikaj fenomenoj kaj esprimiĝmanieroj. Ĉefaj verkoj de D-ro Adler, germane skribitaj, estas: „Studo pri malplivaloreco de organoj", „Pri la nerveca karaktero", „La problemo de homoseksualeco", „Pri individua psikologio", „Pri devigneŭrozoj (germane: Zwangsneurosen)", „La virino kiel edukantino", „La vivmensogo kaj respondeco en neŭrozo kaj psikozo", „La psikologio de infanoj kaj esplorado de neŭrozoj" kaj multaj aliaj pli aŭ malpli grandaj verkoj kaj artikoloj aperintaj en diversaj germanaj kuracistaj, psikologistaj aŭ pedagogiaj gazetoj. La skolo „de individua psikologio" al kiu, krom la kreinto apartenas Furtmüller, Strasser, Wexberg, Asnaourow, Maday, Dück, Kaus, Appelt, Thalberg, Kramer, Lint, Oppenheim kaj aliaj, celas do esploradi ĉiujn psikajn fenomenojn en ilia komuna interrilato kaj kuna kreiĝmaniero en la aparta individuo. Tiu ĉi skolo opinias, ke jam en psika vivo de l'infano ekdirektiĝas iu celo kaj iaj direkciaj gvidlinioj kaj ke ĉiuj fenomenoj, kiujn ni renkontas ĉe la individuo, respondas al iu laŭplana vivlinio. Per klarigado de tiu ĉi kaŝita kaj malkomprenata vivplano kaj per ĝia revizio la skolo penas fortigadi versenton kaj agadi unuflanke pedagogie kaj duaflanke sanige per tio, ke ĝi klopodas forigi la malsanajn aŭ kontraŭsociajn deflankiĝojn per edukiga ŝanĝigado de sistemo kaj vidpunkto, kiun la individuo nerveca por si mem kreis. Laŭ Adler la nervulo formas sian neŭrozon laŭ iu skemo kaj la tasko de psikologia analizo de kuracisto kaj pedagogo estas malkovradi tiun skemon.

La teorio de Adler celas al esploro kaj klarigo de stato, nomata „nerveco" kaj de la „nerveca" karaktero. Ĝi enpaŝas per vasta torento samtempe en medicinan sferon de nervaj kaj psikaj malsanoj kaj en la teritorion de psikologio kaj pedagogio. Ĝi bazas sur la tiel nomata psikanaliza metodo, kreita de Janet, Breuer kaj Freud kaj celas ekkompreni la nervecajn simptomojn kaj karakteron penante esplori kaj ekkompreni laŭeble la tutaĵon de individuaj impresoj kaj la mondbildon, kiun ekkreis al si la nervulo. Tiu ĉi teorio bazas sur la fundamenta, empirie akirita opinio, ke la ĝenerala eco de ĉiuj psikaj fenomenoj kaj agoj estas iu celo. Ne estas eble pensi, voli aŭ agi sen iu antaŭdonita celo. Ĉiu psika fenomeno, se ĝi devas al ni komprenigi iun ajn individuon, necesas esti konsiderata, kiel preparo al iu celo. Ekkoninte la celon de iu ajn psika ago aŭ vivplano, ni devas atendi, ke ĉiuj partaj movoj konsentiĝos kun starigita vivcelo kaj vivplano. Se ekzemple ĉe iu nervulo ekaperas malfortiĝo de memoro sen organa bazo, tiam Adler demandas: Kion celas tiu ĉi memormalfortiĝo? Kaj post detala esploro li trovas ekzemple, ke la individuo penas pruvi al si mem kaj al la aliaj, ke, kaŭze de iuj motivoj, kiuj devas esti nenomitaj aŭ kaŝitaj, sed por kiuj la memormalfortiĝo estas tre efika batalilo, li devas forstariĝi aŭ deturniĝi de iu faro aŭ decido, kiel ekzemple de ŝanĝo de metio, studado, ekzameno, edziĝo ktp. En tiu kazo la malfortiĝo de memoro estis demaskita kiel ilo en batalo kontraŭ humiliĝo. Ĉe ĉiu esplorado de tia memorperturbo ni atendos tiun mankaĵon, kiu apartenas al la sekreta vivplano de la esplorata persono.

Al fariĝo de nerveca karaktero alkondukas laŭ Adler du ĉefaj faktoroj: 1. Forta sento de propra malplivaloro en interrilatoj kun la ĉirkaŭantaro, kiu komenciĝas jam dum infanaĝo kaj estas sento por la infano malagrablega. 2. Psika reakcio, rezultanta el la sento de propra malplivaloro, kiu esprimiĝas en troigaj kompensigaj penoj, alkondukantaj al troiga memsento de propra personeco (germane: Persönlichkeitsgefühl). La vojo al la celo, kiu estas plialtigo de propra persono trakondukas per karakterizaj por la individuo vojoj, kiujn Adler nomas „gvidlinioj" (germane: Leitlinien).

La malplivalorsento de l'infano havas du fontojn: 1. La ĉefa fonto estas denaska mankenhavo kaj malplivaloro de organoj (germane: Organminderwertigkeit). 2. Dua fonto de malplivalorsento estas sociaj kaŭzoj, specialaj kondiĉoj de la medio kaj efikoj de gravaj travivaĵoj.

La malplivaloro de organo konsistas en mankaĵo, rezultanta el haltigita evoluo aŭ difekto de iu organo aŭ de ĝiaj partoj. Konforme al evoluado de l'individuo kaj al la vivimpulsoj estadas tiu ĉi malplivaloro pli aŭ malpligrade korektata. Fine rezultas jenaj diversaj gradoj kaj periodoj: netaŭgeco al vivo, nenormaleco de formo kaj funkcio, malrezisteco kaj malsanemo, kompensado en la sama organo, kompensado helpe de alia organo, kompensado per troa psika funkcio, superkompensado organa kaj psika. Tiaspeca egaligado de difekto per pligrandiĝo de kresko kaj funkcio povas en favoraj kondiĉoj alkonduki al troiga kompensado, kiu estas sekvata de pligrandigita evoluo de centra nervsistemo. Ofte malplivaloro esprimiĝas ekstere per degenerecoj aŭ stigmoj (stigmata). Laŭ Adler ili estas eksteraj signoj, montrantaj, kiu organo estas malplivalora, ili montras ekzemple ĉu okulon aŭ orelon, aŭ respiran, digestan, urinan aŭ seksan organon. Tiaj stigmoj estas laŭ lia konsidero difektaĵoj de oreloj, koloranomalaĵoj de okuliriso, mankaĵoj de piedoj kaj de seksaj organoj, diversaj denaskaj makuloj kaj verukoj, ankaŭ diversaj funkciaj anomalaĵoj, kiel enurezo (senvola nokta urinperdo) kaj anomalaĵoj de refleksoj. Malplivalora organo bezonas pli longan tempon por alveni al normala funkciado kaj ĝi subiĝas dum tiu ĉi tempo al vico de perturboj. Por ilin venki estas nepre bezona plistreĉita cerba laboro. Tiu ĉi malplivaloro de organoj estas dum infanaĝo ofte okulvidebla kaj la pedagogoj nomas kelkajn el ili infanmankoj aŭ malkorektaĵoj (germane: Kinderfehler). Tiaj organmalplivalorecaj anormalaĵoj estas diversaj: malfrua ellernado de parolo, falsaj parolsonoj, balbutado, palpebrumado, strabado, malbona eligado, vomemo, suĉado de fingroj, malrapidega manĝmaniero, mallerteco, malgracieco, nerva sentemo, antaŭtempa matureco, manmaldekstreco, malbeleco, diversaj malfortsentoj kaj malsanemoj. Tia stato de organmalplivaloreco daŭre influas la animstaton de l'infano, ĝiajn pensojn, agojn, emojn, kapablojn, inklinojn kaj elekton de profesio. En sonĝoj kaj infanaj fantazioj evidentiĝas penado al plialtigo kaj pligrandigo de agrablaĵo, devenanta el la malplivalora organo. Ĉiuj animfortoj, sekurigantaj la infanon, kiuj servas por egaligado de mankoj estas konstante aktivaj. Ĝi temas nome pri antaŭvidado, pripensado, memoro, intuicio, antaŭsento, atento, singardo, impreseblo kaj similaj statoj. Kelkfoje tia malkorektaĵo estas venkata kaj sufokata nur por tiel longe, kiel longe regas ĝeneralaj normalaj kaj trankvilaj cirkonstancoj. Sed ĝi denove ekaperadas dum pligrandaj psikaj streĉoj. Ekzemple palpebrumado povas ekaperadi nur ĉe helega kaj brilega lumo, la strabado nur ĉe la tre proksimspaca laboro, balbutado nur ĉe ekscito, vomoj nur dum afektoj ktp.

Ĝenerale el tiu ĉi sfero de necerteco eliras la nervulo surŝarĝita kaj surpremata de la konstitucia malplivaloreco. Lia tuta pensmaniero kaj volo konstruiĝas sur la sento de propra malplivaloro. La malplivalorsento altgrade malfaciligas la adaptiĝon de l'infano al la postuloj kaj kondiĉoj de la kulturo kaj efikas oftajn konfliktojn kun la ĉirkaŭantaro. Por liberiĝi de tiu ĉi malagrabla sento la infano komencas jam frue diversajn streĉojn por ricevi sekuran apogpunkton kontraŭ la ĉirkaŭantaro kaj ĝi komencas pripensadi kaj konsideradi la rilaton de siaj kapabloj al la vivproblemoj. La sopircelo de l'infano en tiuj ĉi cirkonstancoj estas — esti forta, granda, vireca, esti supre. Ĝi simboligas al si tiun ĉi celon en iu elektita persono de l'ĉirkaŭantaro, plej ofte en la patro. Ĉiu ajn kondukto de l'infano, ĝia haltiĝo, gestoj, ludoj, deziroj,

revoj, amataj fabeloj kaj persoj pri estonta profesio esprimas la kompensigan tendencon, kaj prepariĝon por la estonta vivrolo. La infano kun sia sento de malplivaloro, malkapableco, malforteco, malgrandeco kaj necerteco troviĝas en malagrablega situacio kaj en malkontento.

Ankaŭ la necerteco de l'infano, koncernanta ĝian estantan kaj estontan seksan rolon ludas en ekestiĝo de neŭrozoj gravan rolon. Tiu ĉi necerteco ekkomenciĝas jam ĉirkaŭ la kvara vivjaro. Senpere ĝi ne ricevadas iun klarigon kaj restas soleca kun siaj propraj pensoj kaj ideoj. Ne konante la rolon de seksaj organoj ĝi kreas al si plej diversajn teoriojn. La diferencon de la sekso ĝi vidas en vestoj, hararo, en korpaj kaj mensaj ecoj. Sed ĉi tie ĝi renkontas multajn dubojn, ĉar multaj knabetoj portadas robetojn kaj havas longajn harojn kaj kontraŭe la knabinojn oni kelkfoje moknomas „buboj" aŭ „ĝustaj knaboj". Riproĉante la geinfanojn oni ilin moknomas „maljunaj fivirinoj" kaj laŭdante la bravecon oni uzadas ofte la vorton: „vireca konduto, vireco". Tiel ekestiĝas kaj plifortiĝas ĉe l'infano forta timo, ke ĝi ne havu dum la vivo rolon, kiu estas konsiderata kiel nevireca, virineca, malpli alta. De tie ĉi ekestiĝas tendenco kompensiga, kvazaŭ vireca protesto kaj volo esti supre kaj plialtigi propran personon. Preskaŭ la sama formulo koncernas la geinfanojn de ambaŭ seksoj. La knabino, kiu estas ekscianta, ke ŝia seksa rolo estas alia, kreas al si formulon proksimume tian, ke ne povante jam esti viro, ŝi volas kiel virino regadi kaj korkiradi, ŝi volas esti reĝino, princino, grandsinjorino, plejbelulino ktp. La tendenco iradi laŭ vireca linio ekregas tutan psikan konstruaĵon de nervuloj kaj de iliaj simptomoj. Ĝi evidentiĝas en infanaĝaj konfliktoj, deziroj, planoj, porestortecaj programoj, en pripensado pri estonta profesio kaj edziĝo.

Sur la negativa memtaksado konstruas do la infano sian vivplanon. Al tiu ĉi plano ĝi des pli forte alkroĉiĝas, ju pli forte antaŭenpuŝas ĝin la propra malplivalorsento al kompensado. La vivplano estas ekstrema gvidlinio por ĝia volo kaj deziroj, kaj ĝi celas al ĝia realigado en la ĉiutaga vivo, alportanta multegon kaj ĥaoson de plej diversaj faktoj kaj situacioj. Dank' al tiu ĉi fikcia gvidlinio kaj al la kunmetado de ĉiuj pensoj kaj agoj sur ĝi, la infano rapidpaŝe malproksimiĝas de la reala vivo al fikcio. Kaŭze de necertecsento la infano timas ĉiun novaĵon, ĉiun decidon kaj malhelpon venkontan kaj rezignas de senantaŭjuĝa decidado pri realaj demandoj. La limigoj altrudaj de reala vivo kaŭzas, ke la nervulo ŝanĝas sian fikcion, sed ĝin ne forĵetas. Balancante sur la fikcia linio li estas alkondukata al duobliĝo de propra persono, volante samtempe plenumadi la realajn kaj imagajn postulojn.

La formo kaj enhavo de la gvidlinio, apogitaj sur propra malplivalorsento ekestigas agresian pozicion, kiu celas venkadi la staton de necerteco kaj sekuriĝon kontraŭ la faktoj alportataj de la vivo kaj ĉirkaŭantaro. Kreiĝas psika preparo kaj sekuriĝstato, preteco al batalado pri memestimo kaj penado al fincelo de vireco sub komando de gvidanta fikcio. La vidsento de nervulo estas dank' al necertecsento ĉiam direktata en estontecon kaj la tuta estanta vivo estas por li nur preparstato kun tendenco de asekuriĝo.

Por plialtigi sian personsenton la nervulo rifuĝas al diversaj falsaĵoj kaj artaj konstruaĵoj, kiuj preparas por li sekurigan fikcion. Ekzemple li troige troŝatas aŭ tromalaltigas valoron de objektoj de ĉirkaŭantaro. Li prokrastadas decidojn aŭ estigas distancon inter si kaj la objekto. Li volonte uzadas rimedojn, servantajn al la fikcio kaj volas per precizeco aŭ pedanteco atingi superecon super aliaj. Per timemo aŭ timego li defendas sin kontraŭ humiliĝo kaj subigas la aliulojn al sia volo. Li deziras ĉion eblan kaj tiu ĉionprenado respondas al lia fikcio, ĉar li volas esti plej forta. Lia ambicio estas nur ilo, sed ne celo, kaj li ĝin uzadas aŭ ne konforme al tio, ĉu ĝi estas por la celo bezona aŭ ne. La egoismo, ĵaluzo, avareco kaj la tendenco malŝati personojn kaj objektojn devenas el necerteco de nervuloj kaj celas ilian sekuriĝon kaj meminciton.

Kiel ni do vidas D-ro Adler konsideras la psikajn simptomojn de nervulo kiel grupiĝon, direktantan celdirekton, nome al superado de ĉirkaŭantaro. La nervulo sur ĉiu paŝo de la vivo sopiras al supereco kaj al disimileco. Li ĉiam estas la sama, ĉu li volas esti artisto, la unua en sia profesio, ĉu hejma tirano, ĉu li interparolas kun sia Dio, ĉu li humiligas la aliulojn, ĉu li opinias sian doloron esti la plej granda, antaŭ kiu ĉiuj devas genufleksi, ĉu li penadas al nerealigeblaj idealoj aŭ frakas la antikvajn diojn kaj detruas la malnovajn limojn kaj normojn. En la amo li volas samtempe senti siar superecon super la dua partoprenanto, en laŭvola elekto de profesio evidentiĝas la celo en trograndigitaj esperoj kaj timoj kaj eĉ li memmortigas sin kun sento de ne subiĝo aŭ de venko super la malfacilaĵoj kaj malhelpoj.

La teorio de D-ro Adler havas gravan pedagogian signifon ĉar ĝi penas klarigi la interrilatojn inter la infano kaj la gepatroj, familio kaj ĉirkaŭantaro, kaj povas lumigi la ekestiĝon de malbonecoj de l'infana karaktero. Ĝi penas klarigi signifon de la seksa nescio de infanoj, de psikdevena balbutado, kialojn de nenormala konduko kontraŭ la ĉirkaŭantaro, de maliceco, obstino ktp. En nuna tempo la edukado de geinfanoj ŝajne restadas en manoj de la virinoj. Sed nur ŝajne, ĉar ne nur en la infanedukado sed ankaŭ en la tuta nuntempa kulturo dominas influo de la viro. La nuntempaj kulturidealoj havas okulvideble virecan karakteron, ili vekadas en la infana psiko sopirojn kaj tendencojn al postenoj, altaj pozicioj, al regado kaj aŭtoritato kontraŭ la ĉirkaŭantaro. Ankaŭ la edukado kondukata de virinoj estas plene influata kaj stampita de vireca kulturo. Ĉe la virinoj oni ofte povas observadi malestimon por la virina vivrolo, mankon de memkonfido aŭ kontraŭe troigitan virecan agresiemon kaj regemon, kiuj estas malbonaj ecoj de edukantinoj. La teorio de Adler kreis por pedagogio novajn laborfontojn kaj perspektivojn. Multaj pedagogoj, precipe en Svisujo, okupiĝis pri ĝi, kaj ili esploradis, sur bazo de lernejaj temoj pri elekto de profesio, memstare de infanoj verkitaj fabeloj kaj similaj temoj, kiajn gvidliniojn oni trovas en infana psiko. „Tiuj ĉi fabeloj", diras Furtmüller, „ĉesis esti por ni nuraj lernejtemoj kaj ili ne estas por ni nur sensignifa fantaziludo, sed ni sentadas en ili pulsadon de la vivanta vivo; ni povas en ili ekkompreni la konfliktojn, dezirojn, planojn kaj estontecperspektivojn, kaj parte ni atingis komprenon, kiu sen nia koncerna konsiderado ne estus ebla eĉ spite de preciza persona ekkono de la infanoj". Novaj taksoj ekzistas tiel por kuracistoj kiel por pedagogoj. La psika kuracado devas nepre okupiĝadi pri la infanaĝo, ĉar la spertoj de la vivo, konkludoj de la estinteco kaj atendoj por la estonto laŭ Adler ĉiam direktiĝas kaj koncentriĝas sur la fikcia vivplano, ekestinta jam en infanaĝo. La pedagogio devas baziĝi ankaŭ sur spertoj de nervkuracistoj kaj de psikiatristoj, kiuj kuracadas, malkovrante kaj nuligante la malsanan penssistemon. Oni devas ĉe elektado de profesio kaj metio atenti kaj zorgi, ke ĝi egaligu la malplivaloron de l'infano, oni devas malkovradi fikciojn kaj utiligadi multajn difektecajn kaj falsajn gvidliniojn kaŝitajn en la infana psiko. Oni devas plifortigadi la senton de realeco kaj respondecemon, kaj la kaŝitan malamon, envion kaj batalemon anstataŭigi per reciproka bonvolemo kaj kunvivemo. Edukadi kaj kuraci tio signifas kapabligi por la socia kunvivado, kaj ĉirilate tiu estas majstro, kiu mem ĉi tion kapablas, sendiference, ĉu li estas viro ĉu virino, gepatro, pedagogo ĉu kuracisto.

* * *

**Internacia Librofoiro** okazos printempe en Firenze. Ĝi estos bonega rimedo por konigi la libroproduktaĵon de ĉiuj nacioj kaj plifaciligi la internacian librokomercon. Ni esperas ke almenaŭ unu eldonisto de esperantaj verkoj uzos tiun okazon por konatigi al la libroŝatanta publiko ne nur siajn produktojn sed ankaŭ nian lingvon tiel taŭgan por verkoj kun internacia intereso. Aliaj fakoj estos dediĉataj al la malnovaj libroj, libroilustraĵoj, apliko de fotografarto al la grafikaj arto, afiŝoj, popola kulturo, teknikaĵoj pri grafikaj artoj. La ekspozitaj libroj povas esti vendataj kondiĉe ke la venditaj ekzempleroj estu tuj anstataŭataj. Por informoj skribu al la Internacia Librofoiro, via Cavour 20, Firenze.

# LITERATURO

## Al edzino fidela

de **Clarence Bicknell**

*La nokto plej malhela*
*Sen stela lumigado,*
*Fariĝas tag' ĉiela*
*Per via ĉeestado.*

*La tago plej malĝoja*
*Pro pluvo kaj nebulo,*
*Ŝajnas ĝardeno maja*
*Per via lumokulo.*

*La horojn de kortremo*
*Kun malfortec' de volo*
*Nur via manopremo*
*Konsolas, aŭ parolo.*

*Malsanoj, amĉagrenoj,*
*Kaj eĉ la morta horo,*
*Nur estos oraj ĉenoj*
*Pro via forta koro.*

## Feliĉeco

*de Gejzo Csikány*

Venu, maljuna amiko, ni babilu. Sidu tien ĉi kontraŭ mi sur la apogilon de l'seĝo. Tiel.

Estas vespero. Kiel bone oni povas babiladi nun. Tie ĉi interne murmuras la forno kaj ondadas kviete la fumo de mia cigaredo.

Kiel bone plaĉas al mi rakonti miajn pensojn.

Miajn pensojn. Ĉar ili estas multaj. Multegaj.

Kaj tute ili sin turnas ĉirkaŭ la feliĉeco de mia vivo.

Vidu. Mi neniam estis kontraŭ iu tiel sincera, kiel nun kontraŭ vi. Vi estas mia bona amiko. Kvieta kaj komprenema. Pro tio ĉi mi estimas vin. Kaj mi rakontos al vi ĉion.

Kvankam kiam mi forpafis vian flugilon, mi kredis, vi fariĝos mia nerepacigebla malamiko. Kaj mi povis timi tion de vi. Vi estis ja libera, maljuna korvo. Kaj vi estas nun mallibera. La malliberulo de mi.

En via aro eble vi estis la estro. Barite de neniu vi tien kondukis vian popolon, kien vi volis. Ĉar vi estis la saĝulo de via popolo.

Jes, saĝulo.

Ankaŭ nun vi estas tio.

Pro tio ĉi vi ne estas mia malamiko. Kaj ankaŭ pro tio ĉi mi estimas vin.

Kaj mi tre simpatias kun vi.

De viaj inteligentaj okuloj ekbriletas la demando: pro kio tiu ĉi granda simpatio?

Propre mi ne scias.

Eble via malhela koloro vekis mian simpation, tia koloro harmonias kun la seriozeco de mia animo.

Eble via saĝa silentado, kun kiu vi akceptas mian malprudentan babiladon.

Do atentu.

Mi rakontos al vi pri tio, pri kio ankoraŭ mi al neniu parolis kaj eĉ ne parolos.

Pri mia amo.
Pri mia estonta feliĉeco.
Pri miaj esperoj.
Pri miaj revoj.
Pri miaj ĝojoj.
Pri miaj malĝojoj.
Pri mia venonta vivo.

Pri ĉio, kio formas mian malriĉan — riĉan — malgrandecan — grandiozan — enuigan — neŝatigeblan — grizan — brilantan — humilitan — kaj gloritan, ne eldireble ekamitan vivon.

Ho! Tion ĉi ankoraŭ vi ne komprenas.

Vi estas korvo. Birdo. Besto.

Kaj mi estas homo.

Sed plimalfrue vi komprenos min.

Certe vi havas ankaŭ opinion pri la homoj.

Vi scias, ke ili estas multaj. Ili iras per du piedoj, kiel vi. Sed ili ne havas flugilojn. Ili ne povas flugi. La bedaŭrindaj. Ili rampadas ĉiam sur la tero. Ili faras siajn nestojn el ŝtonoj. Amase. Unu sur la alian.

(Ho! En la arbaro estas pli bone.)

Ili ne atentas la korvojn.

Nur iafoje ili ekpafas unu.

Kial? Vi ne scias.

Ankaŭ ili ne scias.

La bedaŭrindaj.

Se vi ne estus saĝa, certe vin ĉagrenigus tio, ke vi devas aŭdadi mian babiladon, anstataŭ povi luliĝi tie ekstere sur la ventaj flugiloj.

Sed vi estas saĝa, kaj trankviliĝas.

Do studadu la homon.

Min.

Facila tasko. Mi ne estas saĝa. Vi aŭdas ja, kiom mi babiladas.

Mi neniel povas vin studadi. Vi silentas. Mi vidas nur vian eksteraĵon seriozan. Sed kion kovras tio, mi ne konas. Nur konjektas.

Mi konjektas, ke ankaŭ vi havas koron.

Kaj se vi havas koron, vi komprenos min.

Do.

Mi amas knabinon.

Ŝi estas ĉasta.

Ŝi estas sankta.

Ŝia hararo estas blonda. Bonodora.

Ŝiaj okuloj estas bluaj. Ridantaj.

Ŝia staturo estas gracia.

Ŝia haŭto estas kiel veluro.

Ŝiaj lipoj estas floroj.

Ŝia kiso estas ebriiga.

Ŝia tuta estaĵo estas senlime ĉarma.

Mi adoras ŝin.

Ĉu vi scias, kio estas tio, kiam iu el la homoj, la viro, amas la alian homon, la virinon?

Amas ŝin kun flamanta, neestingebla, pura, altega amo, kiel mi.

Amas ŝin kun senfina, neelparolebla, morta amo, kiel mi . . . . . . . . .

Ĉu vi scias, kio estas la amo?

Ne. . . . . ne! Kial brilas viaj okuloj? Ne. Vi ne scias. Sed eĉ kiel vi scius? Vi estas ja nur birdo.

Kaj mi estas homo.

Kvankam ankaŭ mi ne scias.

Mi nur sentas.

Mi estas malliberulo de l'amo. La amo estas ja Ŝi mem.
Mi estas Ŝia malliberulo. Spite mi estas feliĉa.
Se mi fermas miajn okulojn, mi vidas Ŝin.
Se mi dormas, mi sonĝas pri Ŝi, kun Ŝi.
Mi ne havas eĉ unu penson, en kiu Ŝi ne estus.
Mi ne havas eĉ unu agon, kiu ne estus por Ŝi.
Ĉiuj frapoj de mia koro estas Ŝiaj.
Mi vivas nur por Ŝi.
Ĝis nun mi eĉ ne vivis.
Mi nur atendis, ke mi povas vivi.
Sed nun mi vivas jam....... mi vivas!
Ĉar mi amas.
Ĉar mi estas amata.
Triumfo! Triumfo!
Mia estas la vivo.
La bela, la brilanta, la ora vivo!
La amo, la feliĉeco.

Ŝia blonda kapeto ridetante fleksiĝis sur mian ŝultron. Kaj mi forgesas la teron, sur kiu mi vivas.

Ŝiaj belaj bluaj okuloj promesas fidelecon. Kaj se mi enrigardas, mi sentas feliĉecon senliman.

Se mi kisas Ŝiajn dolĉajn lipetojn, mi imagas esti en la ĉielo.

Ŝia tono estas muziko.
Ŝia rideto florekmalfermiĝo.
Ŝia rido sonoro de l'arĝenta sonorileto.
Ŝia koro estas unu kun mia, ĉar ŝi donis ĝin al mi.
Ankaŭ niaj animoj estas komunaj.
Ĉu vi scias, kio estas la koro?

La kolektejo de l'sentaĵoj, kiu ĉiam deziras, petas ion kaj konstante sopiras por amo.

Se ĝi ricevas amon, ĝi estas la ejo de l'feliĉeco.

Ĝi estas unu el la estroj de nia vivo. Ĉar ni havas du estrojn. La dua estas la senco.

Stranga, ĉu ne?

Vi povas imagi, kiel tiuj tiradas la bedaŭrindan homon. Vere batalo.

Sed ĉe mi estas jam paco.

Al tiu knabineto ne nur mia koro tiras min, sed ankaŭ mia senco. Kaj pro tio ĉi estas mi senlime feliĉa.

Sed ankaŭ por alio.
Mi estas eĉ fiera.
Sed vi ne komprenas ja tion ĉi.
La korvo estas korvo.
Sed iu homo ne estas tia homo, kiel la alia homo.

Do mi estas fiera, ĉar ankaŭ aliaj homoj volis forpreni Ŝian koron. Aliaj viroj.

Pli riĉaj. Pli prudentaj.
Sed Ŝi ne donis ĝin al tiuj.
Mi eĉ peti ne kuraĝis.
Tamen Ŝi donis ĝin al mi.
Kvankam kion mi scias, povas scii ankaŭ aliulo.
Kaj ili povas esti preferindaj.
Sed mia koro! Mia animo!
Mi interŝanĝus ilin kun neniu.
Oni eĉ ne komprenus ilin.
Sed Ŝi komprenis ilin.
Ŝi komprenis kaj forprenis ilin.
Kaj interŝanĝe Ŝi donis al mi la Ŝiajn.
Kaj mi estas feliĉa.
Ĉu vi komprenas?
Sed eĉ kiel vi povus kompreni ĉi tion?
Ankaŭ mi ne komprenas.
Sed spite mi estas senfine, ne eldireble feliĉa.
. . . . . . . . . . . . .

Maljuna amiko, nia lampo jam estingiĝas, mi volas dormi.

Sonĝi....!

---

# Rakonto pri kaprino

Vivis en urbo malriĉulo Ŝolem. Tute ne havis li monon, sed male, li havis grandegan familion kaj tute malgrandan dometon. Li estis ĉifonisto kaj lia edzino havis kaprinon. Infanojn — neelkalkuleble multon. Tiel multe, ke ne estis eĉ loko por ĉiuj en la dometo kaj parto de ili devis nokti ĉe la najbaroj. La sakojn kun ĉifonoj ordigis li en la korto; tie ankaŭ sub la tegmento troviĝis la kaprino. Malbonega estis lia vivo, netolerebla pro malpureco kaj premateco. Aŭdis Ŝolem de najbaroj, ke en la ĉirkaŭaĵo de la urbo vivis granda scienculo, sankta homo kun granda spirito, kun tia granda spirito, ke li kapablis konsili al ĉiu malfeliĉulo, kiel agi por povi vivi. Rakontis al li Ŝolem pri tuta sia vivo: ke la liaj malsatas, ke mankas al ili loko, ke pro la sufokeco malsanas la infanoj, ke el la korto enpenetras la malbonodoro de ĉifonoj, ke la kaprino ne plu donas sufiĉe da lakto, ĉar ĝi dormas sur nuda tero k. t. p. k. t. p. Ĉion li rakontis kaj la Saĝulo lin aŭskultis atente.

— Kion vi diros, sankta patro? Ĉu estas por mi favoro ĉe Dio?

— Estos bone. Iru hejmen. Kunigu la infanojn kaj de nun ili ne plu noktu ĉe la najbaroj!

— Patro mia! Ne estas ĉe ni sufiĉe da loko! timeme respondis Ŝolem.

— Estos bone. Faru kiel mi diras al vi! Ŝolem enkondukis ĉiujn infanojn por nokti en la dometon. La infanoj ploris. Neniu dormis.

Denove iras Ŝolem ĉe la Saĝulo.

— Nu, kiel vi fartas?

— Estu benita Dio kaj Ĝia Sankta homo!

Malbone estas, patro! Ankoraŭ pli malbone fariĝis!

— Enirigu la sakojn kun ĉifonoj en la dometon kaj tie ordigu ilin.

— En la dometo ordigi ĉifonojn?!...

— Estos bone. Faru kiel mi konsilas. Ŝolem komencis ordigi ĉifonojn, ostojn, malpuraĵojn en la dometo. Eliĝis malbonodoro — neeble estis spiri. La plej aĝa knabo pro kolero rompis vitron por enlasi iom da freŝa aero. Kion fari? Denove devas iri al la Saĝulo.

— Nu, Ŝolem, kiel vi fartas?

— Vivu cent jarojn, sankta patro! nebone ni fartas.

— Enmetu la rompitan vitron. Ne plu tenu la kaprinon en la korto, enirigu ĝin en vian dometon — kaj tie ĝi restu kun vi tage kaj nokte!

— La kaprinon en la dometon?!... Tage kaj nokte?!

— Estos bone! Faru kiel mi diras al vi. Malgaje treniĝas Ŝolem hejmen. „Kion ni, malkleruloj, povas scii? Devas esti tiel pli bone! Grandega Saĝulo — li do scias ĉion" obeeme pensas Ŝolem. Enkondukis li kaprinon en la dometon. Ne plu estis vivo — vera infero. La infanoj remalsaniĝis, dum la tuta tago ploregadas. Kuŝas ĉiuj amase. La edzino ĝemas: „pli bone estus, se ili mortus! Ne plu kuraĝon mi havas!" — La kaprino plenigas tutan ĉambreton: kie ajn oni sin turnas — ĉie ĝi estas. Krom tio, la kaprino ĉesis doni lakton...

Ŝolem estis homo singenema; kial tedi ree le Saĝulon per siaj mizeroj?! Li paciencis, paciencis, sed ne plu povis suferi kaj ekfrapis ĉe la Saĝulo.

— Nu, kiel vi fartas?

— Estu benita via Saĝeco, patro mia!

Ne plu scias mi, kio estas kun ni! Do ne ekkoleriĝu pri ni, Dio! Netolerebla iĝas al ni la vivo. Kompaton vian al ni, petegas mi, Sankta patro!

— Interkonsentu kun la najbaroj: petu ilin, ke ili prenu viajn infanojn por nokti, kaj poste revenu al mi.

— Dislokigi la infanojn ĉe la najbaroj?

Tio estas bona! — pensas gaje Ŝolem! tio estas tre bona . . .

Li dislokigis la infanojn. Pli libere fariĝis en la ĉambreto. „Kredeble ne vane oni konsideras la Sanktan patron kiel Saĝulon — diras Ŝolem — mi iros danki lin“.

— Nu, kiel vi fartas? ĝentile demandas la Saĝulo.

— Nun estas bone. Multe pli bone. Gaje respondas Ŝolem.

— Jen, vi vidas! Kaj vi malesperis!

Nun, elportu la ĉifonojn en la korton kaj tie ordigu ilin! Poste revenu.

„En la korto ordigi la ĉifonojn! Kia saĝa konsilo! Vera ora kapo! Iĝos ĉe ni do vera paradizo! Kaj mia maljunulino — ŝi do ekĝojiĝos! . . .“ Kuregas Ŝolem hejmen — de kie fortojn kaj kuraĝon li ĉerpis!

Vespere post la dumtaga laboro sidas Ŝolem kun edzino ĉe la tablo: ili ĝuas kaj dankas Dion por Lia granda favoro: „jen, kiel bone nun estas! Nek polvo, nek malpuraĵoj, nek miasmoj de ĉifonoj. Nur la kaprino kvazaŭ sin sentas nebone en la ĉambreto kaj maltrankvilon, maloportunon kaŭzas al ni“, timeme pensas „la feliĉuloj“ hontante pri sia „maldankemeco“ kaj „avideco“. Oni devas danki la Saĝulon.

— Nu, kiel nun estas ĉe vi, Ŝolem?

— Aĥ, patro mia, tiel bone, tiel bone, ni eĉ ne scias, kiel vin danki. Nur la kapr . . .

— Ah, jes, la kaprino? Vi volas paroli pri la kaprino — ĉu ne? Elirigu ĝin en la korton kaj remetu sur la antaŭan ĝian lokon.

Pleniĝis de ĝojego la koro de Ŝolem. „Kia Saĝulo! Kia Saĝulo! Elirigi la kaprinon! Estos paradizo ĉe ni! Kaj la maljunulino mia, kiel ŝi ekfeliĉiĝos! . . .

Ili remetis la kaprinon sur antaŭan lokon. Staras Ŝolem kun edzino, unu kontraŭ alia. Ĝojo estas en iliaj koroj. „Jen, kiam alvenis al ni vera vivo! Tio nur daŭru! Kia festego! Kia feliĉo!“ Flustras ili kun timego, pensante pri sia feliĉego. „Grandega, senmezura, senlima estas por ni Dia favoro!“

El la rusa lingvo trad. *H. Umanski.*

---

# Printempo

de **P. E. Stojan LK.**

Varme radias la suno tagmeza,
Neĝo moliĝas en ombro senfrosta,
Gajaj torentoj da akvo flavgriza
Kantas mallaŭte laŭdegon sinceran.

Nokto serena kun steloj arĝentaj
Vintron revokas al frosta laboro,
Kaj en mateno kraketas glacio
Sub la rapidaj piedoj glitantaj.

Ree eliras la suno ridanta
Kaj la vizaĝon sulkitan de l'tero
Ame ĝi kisas kaj milde karesas,
Orajn radiojn sennombrajn ĵetante.

Plikuraĝitaj rebruas torentoj
Blankajn neĝmontojn ludante truantaj,
Ilin imitas modestaj gutaroj
Dense falantaj el doma tegmento.

Venas printempo dormantojn vekanta,
Tero vekiĝas al nova vivrondo,
Koro de l'homo nature-vivanta
Tremas pro ĝojo pri gaja printempo.

---

# TRA LA LIBRARO

**Poŝkalendareto por Esperantistoj 1922.** Kompilita de *Karl Minor.* Esperanto-Verlag, Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59. 64 paĝoj, 8×12 cm. Prezo: 3 M. ger. (por bonvalutaj landoj: M. 4,50).

En formato tre oportuna por ĉiama kunportado prezentas sin tiu libreto. Krom la kalendaro kun spaco por notaĵoj, ĝi enhavas utilajn dokumentojn, t. e. portreto de Zamenhof, nia himno, historieto de Esperanto, Bulonja deklaracio, ĉefaj datoj de nia movado, adresoj de institucioj, societoj, gazetoj kaj fundamenta gramatiko. Tre rekomendinda memorlibreto, praktika, utila kaj malkara. Eble por tutjara enpoŝigado, tola kovrilo pli bone tegus ĝin. Sukcesa elvendado instigos la eldoninton al tia aŭ alia perfektigo por nova jaro. *G. S.*

**Die Welthilfssprache Esperanto.** *Dr. A. Möbusz.* Weltsprachliche Flugschriften No. 1. 1921. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59. 16 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 0,60 M. ger. (por bonvalutaj landoj: M. 0,90).

Taŭga nova germanlingva flugfolio kun cito de l'novaj faktoj favoraj al nia movado. Unua parto diras la kialon, la celon, la nunan staton de l'internacia lingvo, dua, montras la logikan konstruon kaj la simplecon de ĝia gramatiko. *G. S.*

**Karlo.** *Edmond Privat.* Kun antaŭparolo de Marie Hankel. Sepa eldono, 1922. Esperanto-Verlag, Berlin S. 59. 45 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 5 M. ger. (por bonvalutaj landoj: M. 7,50).

Nove vestita, Karlo reaperas en la Germana eldonejo de F. Ellersiek. La vera valoro de tiu romaneto estis ne suspektita de multaj, pro ĝia unua kromtitolo: facila legolibro por la lernado de Esperanto. Tion prave rimarkigas la verkintino de l'nova antaŭparolo. Ekzistas tiaj rakontoj pri infana anima disvolviĝo en ĉiuj literaturoj, kaj plej famaj verkistoj ame traktis tiun temon miksante fantaziaĵojn kun personaj rememoroj. Se ne per sia amplekso, almenaŭ per sia propra ĉarmo, naiveco, bonhumoro kaj kortuŝeco, Karlo meritas lokon apud la aluditaj verkoj. Do ne nur al novaj lernantoj, kiel modela interesa legolibro, sed al ĉiu samideano, kiel bonodora floreto de nia originala bukedo ĝi meritas esti varme rekomendata. *G. S.*

**Kursa lernolibro** laŭ praktika parola metodo de *Dro Ed. Privat.* 4ª eldono, 1922, Esperanto-Verlag, Berlin, S. 59. 80 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 9 M. ger. (por bonvalutaj landoj, M 13,50).

Ankaŭ en Germanio, pro la teruraj kostoj de presado en aliaj landoj, reaperas tiu lernolibro. Ni ne bedaŭru tiun ŝanĝon, ĉar komparo inter tiu eldono kaj la unuaj montras ne nur samecon de l'teksto, kiu ne bezonis korekton, sed preson per pli granda, pli legebla literaro. Jam kelkaj partoj estis presitaj tiel maldike, ke por lernilo uzota de infanoj aŭ dum vesperaj kursoj tiu malbono estis grava. Pri la kurso mem, oni scias, ke ĝi estas tute Esperanta, do uzebla en ĉiuj landoj, kaj celas instrui per la rekta metodo, kiel eble plej paroligante la lernantojn; senĉesa uzado de bonaj frazoj senkonscie kutimigas lin je Esperanta stilo kaj gramatiko. Ni esperas, ke enkonduko de Esperanta instruo en multaj lernejoj necesigos ankoraŭ pluajn eldonojn. *G. S.*

**Elementar-Lehrbuch** zur gründlichen Erlernung **der internationalen Hilfssprache Esperanto.** *Guido Otto.* 4ª eldono 1921. Deutsch-Esperanto-Bücherei No. 1. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin. 132 paĝoj, 12½×19 cm. Prezo: 12 M. ger. (por bonvalutaj landoj: M. 18).

Laŭ la antaŭparolo de l'verkinto, lia metoda kurslibro prezentas jenajn kvalitojn utilajn por faciligi la instruadon: vortoj estas laŭteme kolektitaj; reguloj estas konkludeblaj el antaŭdonitaj tekstoj; taŭgaj ekzercoj senpene lernigos ilin; parola uzado estas ebligata per multaj frazoj demandorespondaj; tradukaj tekstoj estas zorge gradigitaj. Laŭ tiuj pedagogiaj principoj instruas la 15 lecionoj de l'libro. Kvar tutpaĝaj bildoj ankaŭ donas okazon por interparolado. En aldono estas diversaj legaĵoj, listoj de rilataj vortoj kaj afiksoj, deksesregula fundamenta gramatiko kaj du vortaroj. Lernolibro plena je ĉio bezonata, kiu profitis la spertecon de l'aŭtoro kaj la rimarkojn pri la tri unuaj eldonoj. *G. S.*

**Esperanto Lehrbuch für Volksschulen.** Teil I., Unterstufe. *Georg Streidt.* Eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig. 52 paĝoj, 15×22 cm. Prezo 10 M. ger.

Ankaŭ tiun novan lernilon verkis pedagogia fakulo. Uzota nur de junaj lernantoj, ĝia metodo estas tiu de vido kaj vivo. Unua parto liveras la prilaborotan materialon, t. e. frazoj, dialogoj, tekstoj, bildoj, el kiuj la lernantoj, gvidataj de sia instruisto, eltiros mem la regulojn de l'lingvo. Dua parto konsistas el resumo de tiuj reguloj, el diversaj ekzercoj parolaj aŭ skribaj; tria, donas la necesajn vortojn kaj ilian tradukon. Aranĝita por instruado en la du lastaj jaroj de l'popola lernejo, la verko ampleksos du apartajn volumojn; la unuan ni nun povas taksi. Per sia taŭga aranĝo, per la nura rekta metodo uzata, per la libereco lasata al instruisto, ankaŭ per la klareco de l'bildoj kaj de l'preso, la libreto meritas laŭdon kaj espereble estos ŝatata de multaj germanlingvaj geknaboj. *G. S.*

**Rapport sur l'Esperanto dans la réforme de l'enseignement,** présenté par la Fédération Syndicale Espérantiste. 3 Rue du Château-d'Eau, Paris. 14 paĝoj, 11×17 cm. Prezo: 0,25 F. fr.

Tiu franclingva raporto estis prezentita en septembro 1919 ĉe Federala Sindikata kongreso en Lyon. Ĝi bone klarigas la edukan valoron de Esperanto, la diversajn motivojn, kiuj pravigas ĝian instruadon en lernejoj, la spertojn jam faritajn en Eccles. Dua ĉapitro montras la valoron socian de nia lingvo, ĝian necesecon por ĉiuj veraj internaciistoj. Fine teksto de l'favora decido akceptita de l'kongreso. *G. S.*

**Wiesbaden,** *Internacia Banurbo.* 6 paĝoj, 14×22 cm.

Tiu bele ilustrita prospekto priskribas konatan Germanan banurbon kaj la efikan kuracpovon de ĝiaj mineralaj varmakvoj. Senpage ricevebla de Verkehrsverein Wiesbaden. *G. S.*

**Unuaj Paŝoj.** Facila libro por lerneja legado. Kunmetis kaj aranĝis *Alexandra Mexin.* Editions internationales populaires, Passage Terraillet 18, Genève. 144 paĝoj, 14½×23 cm. Prezo ne montrita.

Jen krestomatio kuniganta grandan nombron da mallongaj prozaĵoj eltiritaj el multaj lingvoj kaj diversaj aŭtoroj. Dua parto multe malpli ampleksa represas dekduon da poezioj. La historietoj estas sekvataj de proverboj, kies senco pli malpli rilatas al la ideoj de l'teksto. Pluraj paĝoj havas kolekton de galicismoj kun ilia traduko kaj eĉ ilia rusa samparolo. Tio iom surprizas, ĉar ne bone komprenebla estas la envicigo de tiom da galicismoj, prefere ol alilingvaj kutimparoloj, en internacia legolibro. La sinsekvo de l'tekstoj ŝajnas iom hazarda; kaj se estas utile ekkoni ilian devenan lingvon, la vorto „Svisa" post kelkaj povus kredigi al ekzisto de Svisa lingvo! Certe la aŭtorino multe klopodis por kolekti kaj traduki tiom da tekstoj. La stilo en tiu riĉa kaj varia pecaro estas facila kaj agrabla. Malfeliĉe, eble pro presaj malfacilaĵoj, svarmas preseraroj; ĉiun paĝon malornamas kelkaj. Oni ankaŭ rimarkos neregulan uzadon de l'artikolo, tre ofte mankanta, kelkfoje troa. Aliloke ĝi estas nenecese apostrofata. Adjektivo ofte anstataŭas substantivon. Rekta alparolo miksiĝas kun nerekta. Pronomoj estas uzataj unu por alia. Ĉiuj tiaj makuletoj estas precipe bedaŭrindaj en lernolibro. Plie vortoj kiel: „afirmi" (certigi), „almeni" (alkonduki), „akvoduko" (akvokondukilo), „barbario" (barbareco), „dentelita (dentita), „diabola" (diabla), „cizeli" (ĉizi), „motto" (moto), „proveni" (deveni), „revolto" (ribelo), „sujeto" (temo), k. t. p. estas certe forjetindaj. Formoj: „sen diri", „sin miri", „iatage", „tio ne estas nek ĉi tio nek tio", k. t. p. estas malbonaj. Sur unu paĝo estas uzata „mejlo", en alia „lieue" inter krampetoj, kvazaŭ netradukebla. Paĝojn oni bezonus por citi ĉion riproĉindan. Mankis por tiu libro zorga korekto de l'manuskripto kaj de l'presprovaĵo; sed bedaŭro ne estas riparo. *G. S.*

**Entwicklungsgang der Weltsprache** von *Dr. Albert Steche.* Verlagsbuchhandlung E. G. Weiman, Leipzig. 24 paĝoj, 18×25½ cm. Prezo: 5 M. ger. (por altvalutaj landoj M. 10).

Presita sur du kolonoj, la enhavo de tiu germanlingva propagandilo estas ampleksa. De tempo al tempo necesas renovigi niajn armilojn. Tiu ĉi posedas la plej modernajn perfektojn. Ĝi trafe resumas ĉion utilan pri la problemo de l'mondlingvo; ĝi profite estos are diskonigata en varbotaj kleraj rondoj. Sinsekve estas studataj kun citoj de faktoj kaj originalaj rezonoj, la evoluo de l'ideo pri mondlingvo, la deveno de Esperanto, la historio de nia movado, ĝiaj progresoj dum la mondmilito kaj post ĝi. Neniu taŭga argumento, neniu grava fakto estas forlasata. Tiu konciza verko estas modela propagandilo. La prezidanto de Germana Esperanta Asocio liverante ĝin al siaj kuncelanoj provizis ilin per bona efika batalilo ebligonta novan breĉon en la fortikan muron de l'indiferenteco. Traduko iom aranĝita, de tiu plena kaj nuntempa varbilo estus dezirinda en aliaj lingvoj. *G. S.*

**Das Deutsche Lied in Esperanto.** Germanaj kantoj Esperantigitaj. Kompilis *Friedrich Pillath.* Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin. S. 59. 1921. 82 paĝoj, 11½×15 cm. Prezo: 6 M. ger.

La libro enhavas tekstojn de 72 kantoj; la plimulto, 54, estas tradukoj de germanaj popolkantoj; dua parto havas parolojn de 11 kantoj por unuopa voĉo kaj fine tria konsistas el 7 internaciaj kaj diversaj kantoj. La poezioj estas sen notoj, sed sub la Esperanta titolo troviĝas la germana, laŭ kiu la melodioj povas esti trovataj de tiu, kiu ne jam konas ilin. Por germanoj, ĝenerale muzikspertuloj, la libro ebligos agrablan Esperantan kunkantadon; por alilingvanoj ĝi, kiel diras la antaŭparolo, almenaŭ donos imageton pri la bela germana kanttrezoro.

La kolekto estas tre zorge preparita; ĉiuj versaroj plenumas la severajn kunajn kondiĉojn: lingva korekteco, poeziaj rimoj kaj ritmoj, alfaro al la melodio. Estas kompreneble, ke oni ŝatas traduki kanttekstojn por Esperante uzi belajn konatajn ariojn; sed tia laboro estas malfacila kaj, malgraŭ la lertegeco de l'tradukintoj, ne ĉiam plene kontentiga; tion oni tuj konscias komparante la diritajn tradukojn kun originalaj esperantaj versaĵoj. Tial oni povas varme deziri ke, kun plia disvastigo de nia lingvo, pli ofte muzikkomponistoj verku melodiojn por Esperantaj poezioj, kiel tio okazas por la nacilingvaj kantoj. Certe ni tiam ricevos kantaĵojn pli agrablajn, malpli artifikajn. Kompreneble tiu ĝenerala rimarko ne forprenas la meriton de la zorgoplena laboro de S-ro P. kaj de liaj kunlaborintoj. *G. S.*

**Esperanta Legolibro.** *Vilho Setälä.* Tria eldono ilustrita. Eldona Akcia Societo Otava. Helsingforso, Finnlando 1921. 112 paĝoj, 14 × 21 cm. Prezo: ne montrita.

**Handledning i Esperanto.** *Setälä-Ahonius.* Lernogvidanto de Esperanto por Svedoj. Helsingfors, Holger Schildts eldonejo. 1921. 64 paĝoj, 16 × 24 cm. Prezo: 16 M. finn.

La unua eldono de l'„Legolibro" estis jam priparolata kaj laŭdata en ĉi tiu jurnalo. La tria estas ornamita per kelkaj bildoj kaj la ĉapitroj pri la Esperanta movado estis korektitaj laŭ novaj informoj. Plezure ni legas, ke la du unuaj eldonoj kun 3.000 kaj 5.000 ekzempleroj elvendiĝis. Tiu sukceso pruvas, ke la instrua metodo uzata de la aŭtoro estas ŝate akceptata. Li bone ĝin klarigas en la antaŭparolo jene: „Mi kuraĝas pretendi, ke pli multaj estas en la nuna civilizita mondo la personoj, kiuj facile memoras legitan kaj skribe reproduktitan tekston, ol la memorantoj de aŭdita kaj redirita lingvaĵo... Sekve la „natura metodo" de lingvolernado, kiu estas konvena al infano, por la kulturita homo povas fariĝi tre kontraŭnatura... Ŝajnas al mi, ke estis sufiĉe pravigita mia deziro krei instruilojn de tipo, kiun mi volus nomi „natura sistemo de okulo kaj mano" anstataŭ la „natura sistemo de interparolado".

Do lernantoj akiros sian scion per lego de bone gradigitaj tekstoj; la lernaĵoj estos vice prezentataj, kaj helpa „lernogvidanto" provizos per vortlistoj, gramatikaj klarigoj, taskoj por traduko. Tiaj kunlibroj estas verkitaj jam en Finna kaj Sveda lingvoj kaj la 2a supre montrita libro estas ja la sveda lernogvidanto. Alia helpilo estos bona vortaro. Tiel la ĉefa libro, t. e. la legolibro estos uzebla en sama formo por pluraj nacioj. Ĝia enhavo, ĉerpita el bonaj aŭtoroj aŭ verkita de S-ro S. en la unuaj plej simplaj legaĵoj kaj en la ĉapitroj specialaj por nia lingvo, ĝiaj deveno, historio, utilo, literaturo, ekzamenoj, estas varia, interesa, korekta kaj tute rekomendinda. *G. S.*

**Quelques-uns des derniers succès de l'Esperanto.** (Kelkaj el la lastaj sukcesoj de Esperanto.) 2 paĝoj 22×28 cm. Prezo: 100 ekzempleroj, 10 f. fr.

Tiuj du franclingvaj flugfolioj, estas eldonataj de la Esperanto-Oficejo en Lyon okaze de la tiea komerca foiro. La unua raportas koncize pri la profitoj de Esperanto por la komerco, pri la favoraj decidoj de francaj komercaj ĉambroj, pri la servoj jam riceveblaj per U.E.A. organizaĵo. La dua represas la lastajn decidojn por Esperanto de diversaj societoj, kongresoj, akademioj kaj gravajn dirojn de francaj sciencistoj, verkistoj aŭ politikistoj. Ambaŭ folioj bonege plenumas sian celon. *G. S.*

## ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO

*Marta raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Ni havas la plezuron, anonci al nia kolegaro kaj al la tuta Esperantistaro, ke la altŝatata prezidanto de la Esperantista Akademio, s-ro Prof. Th. Cart en Paris, konsentis fariĝi honora prezidanto de la Esperantista Literatura Asocio. Ni perdis nian karan Majstron, ni ne povis anstataŭigi lin en pli inda maniero, ni ja ĉiuj staras sur la sama firma bazo kiel s-ro Cart.

En Leipzig ĉe E. G. Weimann aperis: Entwicklugsgang der Weltsprache von Dr. Albert Steche. Ni tie ĉi ne povas priparoli la broŝuron, ni nur ĝin citu. Tre dezirinde estas, ke senprokraste ĝi estu tradukota en ĉiujn naciajn lingvojn, ĉar ĝi estas bonega propagandilo.

S-ro H. O. Bulthuis tradukis la gravan verkon: „Imperiestro kaj Galileano", dramo 10akta de Ibsen, li jam estas traktanta kun la firmo Gyldendalska-Kristiania, pro eventuala eldono. Oni por Esperanta traduko bezonas la permeson de s-ro Sigmund Ibsen (filo de la aŭtoro) nun loĝanta en Romo.

S-ro parohestro Madlener (Bavarujo) estas tradukanta: „Der beichtende Christ", (La Konfesanta Kristano) de P. Fruktuozus Hockenmaier. (En preĝlibra formato7 76 paĝoj.) La verkinto mem instigis la tradukon, li ankaŭ prizorgos la preson.

S-ro Paulo Balkanyi volas eldoni la tre amuzan kaj spritan komedion: „La Paĝio de la Reĝino" trad. de D-ro K. Kalocsay. Oni ĝin ludis kun bona sukceso en Budapest, esperebie oni ĝin baldaŭ ĉie povos ludi. Ĝi aperos kontrolita kaj rekomendita per E. L. A. Tre utilaj estas niaj diversaj lernolibroj, novaj kaj malnovaj. Ni uzu ilin en la grupokunvenoj, ĉiufoje ni ripetu dum duonhoro unu lecionon. Fininte la libron ni rekomencu per alia, ĉiu lernolibro prezentas aliajn ekzemplojn. Ni varme rekomendas ĉi tiun malenuan metodon.

Malnovan lernolibron iafoje trovis en patra librosŝranko inteligenta knabo. Li interesiĝis kaj memstare lernis nian lingvon. Tiu knabo estis nia nova kolego N. Antipoff, li fariĝis fervora Esperantisto. Dum milito kaj rusa revolucio li multe suferis korpe kaj anime, la kruda sorto lin fine ĵetis sur la afrikan bordon. Rifuĝejon li unue trovis en Camp de Saint-Jean, lian nunan adreson ni anoncis en la Februara raporto. Malgraŭ ĉiu malfeliĉo li suferis malpli ol aliaj, ĉar li havis Esperanton: la Esperanta muzo lin vizitis kaj konsolis.

Multvalora, multekosta kaj riĉenhava letero venis el Saratov, (Rusujo) de s-ro V. Polakov, la nuna administranto de la biblioteko de Davidov. Pri tio ni pli detale parolos en la Aprila raporto.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr. 18.

**☛ Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj. Pruvu ke estas almenaŭ ses mil. U. E. A. bezonas 6000 membrojn!**

# Lingvaj Studoj

Tre ofte mi legas eĉ en la verkoj de konataj stilistoj, la esprimojn „for *kun* alkoholo", „for *kun* li" k. t. p. La nomita *kun* neniel estas logika kaj internacia; logika kaj internacie oni povas diri nur: *for la alkoholon, lin for!* k. t. p. Se oni uzas en tiaj frazoj „kun", oni faras simplan naciismon.

*Leopold Kronenberg.*

### Nacia tipo de la propraj nomoj

Antaŭ dudek—tridek jaroj — unuaj pioniroj de l'Esperanto estis emaj esperantigi ĉiujn nomojn, eĉ bapto- kaj famili-nomojn.

Se tiu fervora penado havas „rezonon esti" en sfero de internacie-uzataj geografiaj terminoj (Eŭropo, Ameriko, Londono, Bulonjo...), ĝi ŝajnas nepravigebla en purenacia regiono de personaj nomoj. Unuaj esperantistoj naive kredis, ke *Johano* estas internacia formo anstataŭinda je la franca Ĵan (Jean), la angla Ĝon (John), la okcident-slava Jan, la rusa Ivan, k. a.; fakte, formo *Johano* estis kaj restis esperantigita germana formo, deveninta el la greka Joan. Sammaniere multaj rusaj samideanoj, kiuj portis nomon Vladimir, alprenis formon *Voldemaro,* kredante ke ĝi estas „internacia".

Dum lasta jardeko — inter esperantistoj aperis tute sana reago kontraŭ tiu esperantigado de pure naciaj nomoj, kiuj tiamaniere perdas siajn vivajn kolorojn, nenion akirante kun la pseŭdo-internacia pala formo, kopianta tiun aŭ alian nacian. Kelkfoje tia uniformigo sekvigas konfuzon; ekz. nomoj Mario, Elizo, Aleksandro, Emilio, Felikso, Julio... signifas samtempe virojn kaj virinojn.

Unua, kiu kuraĝe elpaŝis sur tiu vojo de l' resanigo, estis Zamenhof mem, publikigante la bibliajn tradukojn kaj romanon *„Marta"* tradukitan el la pola. Ĝi estis kvazaŭ malkovro de l' malnova vero, ke la propraj nomoj ne estas, laŭ gramatika vidpunkto, veraj substantivoj, kaj — pro tio — ili ne devas ĉiam kunporti la finaĵon -o. En siaj tradukoj de la Biblio Zamenhof estis nature trenata al la fidela konservado de l' naciaj nomoj, kompreneble, en la limoj de l'esperanta ortografio. Se sur la kovertoj ni volonte skribas la nomojn tute nacie, por ne konfuzigi poŝtistojn, en literaturaj verkoj ni devas uzi nur la 28 literojn de l' esperanta aboco, por esprimi naciajn nomojn. Tiun mezan vojon, egale favoran por Esperanto kaj por la nacioj, sekvis Zamenhof kaj aliaj aŭtoroj.

La Nova Testamento, libro modela — eble plej grava, post la verkaro de Zamenhof — enhavas proprajn nomojn, skribitajn laŭ la sama metodo: Adamo apud Salomon, Benjamen apud Andreo, Elija kaj Noa, Maria, Marta, Magdalena, Joana (virino), Julio (viro), Gabriel, David, Matias..., Betlehem, Jerusalem, Kapernaum... apud Jeriĥo, Jordano, Damasko..., Antioĥia, Cezarea, Sodom kaj Gomora, Kos, Nazaret... La eminentaj tradukintoj de l' tiu libro skribis laŭ sama metodo eĉ nomojn de grekaj literoj: Alfa kaj Omega.

*Petro Stojan, LK.*

### Inter la ekstremoj

Nenio estas pli kontentiga — en la scienco aŭ la praktiko — ol trovi ke du kontraŭaj malamikaj principoj aŭ metodoj povas kunpaciĝi en unu mezo, kapablas kunekzisti en harmonia sintezo, praviganta ilin ambaŭ.

Eĉ malgranda ebleco trovi tian pacigan mezon, aŭ eta espero akordigi du malajn direktojn, donas al ni rajton kaj motivon altiri atenton de l' lingvoamantaj samideanoj je unu speciala problemo pri Esperanta radikaro.

Ekstrema grupo de l' esperantaj aŭtoroj, kies tipa reprezentanto estas s-ro Veraks, kaj al kiu neinvitite aliĝas Idemaj samideanoj— pli ŝatas internacie konatajn radikojn (ekz. amara, amatoro, indiĝeno, konkordo, monoteismo, obskura, asterio, vakua...) ol esperante kompreneblajn kunmetaĵojn (maldolĉa, amanto aŭ ŝatanto, landulo, kunakordo, unudiismo, malluma, marstelo, malplena...); moto (devizo) de tiu grupo povus esti: *internaciigi esperantan radikaron.*

Alie-ekstrema estas mala tendenco ĉion esprimi per la radikoj fundamentaj aŭ oficialaj. La moto: *ĉion krei per propraj fortoj*. Multaj samideanoj el la unua periodo (1887—1889) estis tre fervoraj kaj puremaj en tiu direkto, sed ne ĉiam lertaj. Unuaj eldonajoj, kaj la Fund. krestomatio mem, enhavas centojn kaj milojn da vortoj tiamaniere elforĝitaj, ofte malgraciaj kaj maltrafaj, iufoje kopiantaj la naciajon, tute nelogikan: disreviĝo, denove, finiĝo, memmortigo, centjaro, manokonduko, bovoviro, tombejo, beleco, laktosuĉanto, tondilo, elrigardi, kuracilo, ĉirkaŭzonumita, veturilego, multenombro, ĉirkaŭe... (elreviĝo, ree, finajo, sinmortigo, jarcento, manlibro, virbovo, tombaro, belo, mambesto, cizo, aspekti, kuracajo, zonita, ĉaro, pluralo, proksimume...). Estas ekster ia dubo, ke post la 1906—1908 la esperanta stilo pliboniĝis — ĉefe pro pli-lerta vortformado, kaj pro malplilonga derivado. Oni evitas nun nenecesajn sufiksojn, pleonasmajn longaĵojn, amasiĝantajn radikojn. Antido estis unu el teoriuloj de tiu simplismo, s-ro Privat estas unu el praktikaj verkantoj kiuj elektis mezan vojon: li ne malŝatas utilajn novaĵojn, agrablajn por la unua ekstremularo, kaj li lerte kombinas fundamentajn radikojn en flua facila stilo, elvokante admiron de l' dua grupo da samideanoj. Se tiu feliĉa sintezo reale ekzistas kaj estas sentata en la esperantista popolo, ni povas ĝoji kaj trankvile rigardi la estonton, ĉar ĝi antaŭsciigas floradon kaj abundan rikolton sur la Esperanta kampo.

*Petro Stojan, LK.*

# TRA LA GAZETARO

## Egipto.

Nova gazeto „Egipta Esperantisto" 4, rue Farahde, Alexandrie resumas la historion de la esperanta movado en Egiptio. Jen amuza fakto pri la servoj de niaj Delegitoj.

„Multenombraj estis la demandoj pri „Egiptaĵoj". Senefikaj estis respondoj de Delegitoj, ke ĉiuj veraj antikvaĵoj estas jam en muzeoj aŭ enmuzeigotaj, kaj ke vendataj estas ne pli antikvaj ol du aŭ tri monatoj: oni tamen petis alsendon. Jam Delegito iomete tedata per tiom da neseriozaj demandoj respondis: „eble vi deziras ke mi sendu al vi krokodilon?" Imagu do lian miron kiam li ricevis respondon: „jes, sed ne tro grandan". Li do aĉetis kotonremburitan krokodilidon kaj sendis ĝin. Poste se la milito ne estus haltiginta ĉion, la doganoficejo estus ŝajne deviginta starigi specialan imposton por eksportado de remburitaj krokodilidoj, tiom da tiuj „egiptaĵoj" sendis la delegito Eŭropon. La lasta krokodilo ne estis akceptita de la poŝto ĉar estis malpermesita eksporto de... kotono."

## Turkio.

El „Bizantio" ni eltiras jenan komitatan diskuton kiu eble interesos aliajn grupojn: „Diskuto leviĝas pri akcepto aŭ ne de la petskribo de la 12 jaraĝa N. Kambicis. D-ro Paraskevas proponas tiuokaze, ke oni definitive decidu pri la aĝlimigo de la kandidatoj kiu povus esti la 21ª por la vira kaj la 15ª por la virina seksoj kaj konsekvence, ke la petskribo antaŭcitita, submetita de 12 jara junulo devos esti forĵetita. S-ro Markuizos citante la diritaĵon de Corneille „la genio ne atendas la aĝon" subtenas, ke pri aferoj rilataj al Esperantismo ĝenerale, la aĝo havas nenian signifon, tiom pli ke la helpa lingvo internacia estis jam enkondukita en la lernejoj de multaj nacioj. Cetere la vir(in)iĝeco kaj ĝenerale la junularo estas tiu, kiu progresigos la pacigan ideon de Esperantismo ĉar estos precipe la gejunuloj, kiuj estas la plej taŭgaj por facile kaj rapide lerni la duan lingvon antaŭ ĉiu alia.

Ĝis la ĝenerala kunveno la komitato alprenis jenan aranĝon: ke personoj kun pli malsupera aĝo ol la antaŭcitita estu akceptataj sed sen la rajto al voĉdono kaj partopreno en la ĝeneralaj kunvenoj. La propono estas provizore akceptita kaj post sekreta voĉdonita decido ĉiuj 12 kandidatoj estas akceptitaj enkalkulante la junan Kambicis.

En 1903 la sama problemo prezentiĝis al la Svisa Esp. Societo pri dek-tri jaraj liceanoj Hodler kaj Privat. Ambaŭ estis akceptitaj senkondiĉe. Koran bondeziron al juna Kambicis!

# TRA LA FAKOJ

## Poŝtoficistoj

La *germana* poŝtministro konsentis, ke la superaj poŝtaj direkcioj enketu, kiuj poŝtaj, telegrafaj kaj telefonaj oficistoj jam scias aŭ nun lernas Esperanton, kaj ke la superaj poŝtaj direkcioj transdonu la adresojn de la poŝtaj, telegrafaj kaj telefonaj esperantanoj al la prezidanto de la Internacia Ligo de Esperantaj Poŝtoficistoj, S-ro O. Reber, supera registara konsilisto en Bamberg. La *ĉeĥoslovaka* poŝta ministrejo eldonis dekreton ĵus publikigitan en oficiala bulteno, ke ĉiuj poŝtdirekcioj starigu liston de poŝtistoj kiuj scias kaj kiuj lernas Esperanton.

Ni esperas ke sama enketo povos okazi en aliaj landoj.

## Blinduloj

Okazis en Frankfurt granda ekzpozicio pri la mondo de blinduloj. Ĝi dividiĝis en tri fakoj, kiuj montris: 1) kiamaniere oni instruas la blindulon; 2) kiamaniere laboras la blindulo, 3) kion produktis blinduloj.

Specialan intereson por niaj samideanoj havis la fako „Esperanto kaj la Blinduloj". Informojn pri la blindula movado esperanta en Germanio donas plezure S-ro Max Urban, Blindenanstalt, Adlerpflychstr. 8, Frankfurt a. M.

## Preslaboristoj

Fondiĝis en Paris „Grupo Esperantista de la Franca Preslaboristaro" al kiu aliĝis multaj sammetiuloj el diversaj regionoj.

La grupo deziras interrilati kun ĉiulandaj esperantaj preslaboristoj (kompostistoj, maŝinistoj, litografistoj, bindistoj k. t. p.) por priparoli la starigon de internacia societo.

Adreso: Grupo Esperantista de la Franca Preslaboristaro, 20 rue de Savoie, Paris 6. Represo petata.

## Sennacieca asocio tutmonda

La 2a Kongreso okazos de la 12. ĝis 16. de aŭgusto en Frankfurt (samtempe kun la Internacia Sindikata Kongreso de la Ministoj) en la festhalo de la Restoracio „Frankfurter Konzertgarten", Ecke Langestrasse meze de la urbo.

*Kongresadreso:* K-do Jean Roth, Rödelheimerlandstr. 131-III, *Frankfurt a. M.*, *Rödelheim* (Germ.).

*Kongreskotizo:* Anglio 3 ŝil., Aŭstrio 100 Kr, Belgio kaj Francio 7 fr., Bulgario kaj Rumanio 20 lev., Ĉeĥoslov. kaj Jugoslav. 20 Kr., Danio, Norv. kaj Svedio $3^1/_2$ kr., Germ. kaj Finnland. 20 mk., Hispanio 4 pes., Hungario 50 kr., Italio 9 lir., Nederland. 2 guld., Polio 200 mk., Svisio 3,50 fr., U. S. A. 80 cend. (pagebla per naciaj monbiletoj aŭ ĉeko).

*Aliĝoj:* valoraj estos nur la aliĝiloj akompanataj de la kotizo.

*Komunikoj:* Ĉiu n-ro de *Sennacieca Revuo* (organo de SAT) publikigos detalan komunikon de la Kongreskomitato.

## Fervojistoj ĉiulandaj!

La estraro de la Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj (I. A. E. F.) intencas aranĝi fakan kunvenon dum la XIVa Universala Kongreso de Esperanto en Helsinki. La tagordo estas tre grava. Ni nur citas: voĉdonado pri la regularo; elekto de la estraro, ĉar la ĝisnuna akceptis siajn oficojn dum la XIIIa nur provizore por unu jaro; fervoja terminaro k. t. p. Sed la intenco restos nur intenco, se la kolegoj, precipe en la altvalutaj landoj, ne helpos. La vojaĝkostoj al kaj la restado en Helsinki estas multekostaj precipe por ni estraranoj loĝantaj en la malbonvalutaj landoj Ĉeĥoslovakio kaj Germanujo. Nia asocia kaso, ĉar ankoraŭ juna, ne estas tiel riĉa por doni subvencion eĉ nur al unu estrarano. Do kolegoj, se vi deziras ke ni aranĝu fakan kunvenon, helpu al ni per mondonacoj. Ĉiu eĉ malgranda sumo estas danke akceptata. Bonvolu sendi la monon *letere* al nia kasisto, fervoja revizoro Emanuel *Kubásek*, Plzeň, Lobezská ul., Prov. domy Skup. B-I-68, Ĉeĥoslovakio. La finnaj kolegoj kore estas petataj, havigi al ni senpagan loĝejon en Helsinki. Sciigojn pri tio bonvolu sendi al la subskribita Prezidanto. Proponojn por la tagordo akceptas la sekretario.

*Georg Habellok*, ferv. insp., Prezidanto, Breslaŭ 10, Schleiermacherstr. Nr. 19. Germanujo.

*Josef Blažek*, ferv. insp., Sekretario, Olomouc, Nová 266, Ĉeĥoslovakio.

## ESPERANTISMO

# XIV. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HELSINKI (Finnlando),

**6—12 aŭgusto 1922.**

*Kvara komuniko.*

**Kongresa kotizo.** Kiel oni povis antaŭvidi, la fiksita kotizo ne kontentigas ĉiujn, kiuj intencas partopreni en la kongreso. Speciale ni ricevis plendojn de la svedoj, ke ili ĉiam devas pagi la plej altan kotizon. La LKK rememorigas pri la 4a punkto de la unua komuniko kie ni klarigis, ke laŭ nia opinio la sumo efektive pagota de la altvalutaj landoj povas kaj devas esti pli alta ol tiu pagota de la malaltvalutaj. Sen tia aranĝo la ekonomio de la kongreso estus neebla. La LKK konsideris, ke la meznombre ricevota kotizo devas esti rimarkinde pli alta ol en Praha pro pli multaj aranĝoj — kongresa libro, dissendo de la komunikoj rekte al ĉiu kongresano, kongresa gazeto. Ni devis antaŭkalkuli meze 50 Fmk kiel kotizon, kiu eble kovros ĉ. la duonon de ĉiuj elspezoj. Laŭ la nuna kurso tio estus proksimume 3000 polaj markoj. Por ne tute malebligi al poloj k. a. la partoprenon ni devis doni al ili rabaton, kaj kontraŭe postuli iom pli de la altvalutuloj. Se oni nun konsideras, ke la kotizo por la poloj estas plialtigita kompare kun tiu en Praha (25—) ĝis la 20-oblo (500—), kaj intertempe la kotizo de la svedoj kaj aliaj altvalutuloj *tute ne estas plialtigita*, la lastaj devus ne havi ian kaŭzon por plendo. Aparte tio koncernas la svedojn, al kiuj la vojaĝo estas mallonga kaj malkara.

**Reveturo.** Pro diversaj kaŭzoj ni ankoraŭ ne povis definitive kontrakti pri la prezoj por reveturo ŝipa. Por eviti malkomprenojn ni devas tamen jam nun atentigi la alveturontojn, ke la reveturo al Stokholm kaj al Hull estas multe pli malkara ol la alveturo de tie, pro tio, ke la firmo kalkulas la reveturon en finnaj markoj, dum la alveturo estas pagota en alta valuto ne laŭ efektiva kurzo. — Ni esperas, ke ni povos en venonta komuniko doni la ĝustajn prezojn.

**Pasportaj aferoj.** La kongresanoj verŝajne ricevos la vizon al Finnlando sen iaj formalaĵoj, montrante la kongresan karton. Laŭ antaŭa kutimo ni petos pri rabatigo de la vizkosto. Verŝajne tio tamen ne estos ricevebla. Sed oni atentu, ke la Finnlanda vizo kostas bagatelan sumon kompare kun la alilandaj (ekz. 7 kr en Svedlando, dum la vizo al Sved. kostas 50 kr).

**Postkongresoj.** Ni ricevis definitivan informon pri sekvantaj postkongresoj: Stokholm, la 15—16, de aŭg., Kopenhagen la la 18—19, de aŭg.

**Karavanestroj.** Sinjoro Leander Tell, Prästgdåsgatan 42, Stokholm Sö, kondukos svedan karavanon, sinjoro Laquer Sándor, Kiralyi ut, 57. II. 2. Budapest la hungaran kaj sudorient-Eŭropan.

**Antaŭ la kongreso.** Responde al kelkaj demandoj ni informas, ke la LKK zorgos pri programo por vendredo kaj sabato antaŭ la kongreso por tiuj, kiuj alvenos vendrede en Ariadne (tra Stettin).

**Fakaj kunsidoj.** Sekvantaj ĝeneralaj societoj invitas fakajn kunsidojn:

*Blinduloj:* Finnlanda Blindul-Asocio. Partoprenontoj sin turnu al s-ro R. Bergh, Gengatan 3. Helsingfors.

*Teozofoj:* Teozofia Societo de Finnlando, Sin turni al s-ino E.-K. Koponen-Kostiainen, Vaasank. 3. D. 99. Helsinki.

*Sportistoj:* Laborista Sportligo, adr. Eläintarhantie 1, Helsinski.

**Presaĵoj.** Pro la festaj okupoj nia presisto ne povis pretigi la sigelmarkojn, poŝtkartojn ktp. en decembro. Nun ili estas pretaj kaj tuj sendotaj al la mendintoj. Ankaŭ la kongresa afiŝo pretiĝos baldaŭ. Pro la granda nombro ĝia ekspedo ne povos okazi tre rapide.

**Kontoro.** La LKK malfermis kontoron ĉe Korkeavuorenkatu 17 A, telefono 113-40. Malfermite ĉiutage je $9^1/_2$—16 h. Samideanoj estas petataj sin turni al la kontoro ĉefe por proponi sian helpon en la kongresaj aranĝoj, sed ne por ŝarĝi la kontoron per demandoj (kiujn ni prefere akceptas letere kaj al kiuj ni penas laŭeble respondi en niaj komunikoj).

**Monsendo.** Ni ankoraŭfoje atentigas la aliĝantojn, ke ili ne uzu poŝtmandatojn sed pagu per papermono aŭ per bankaj ĉekoj. Kaj atentu, ne aĉeti ĉekon kun sumo notita en finnaj markoj sed en via nacia valuto, se vi ne volas kaŭzi perdon al vi kaj al la kongreso. Okazis jam ke eksterlanda banko kalkulis je kurzo 15% pli malfavora ol la finnaj bankoj. Do, la ĉeko ne estu pagota en Helsinki sed en *vialanda ĉefurbo* al la LKK. Ni jam zorgos pri ĝia plejprofita monigo. Ĉi tio koncernas same la kotizojn kiel la sumojn kiujn vi alsendas je via propra konto.

**Aliĝoj.** — Aliĝis ĝis nun 139 personoj el 13 landoj, plie 4 helpkongresanoj.

**Financoj.** — La bulteno sendata al ĉiuj aliĝintoj kvitancas por la Garantia Kapitalo: 11,100 Fmk, por la Blindula Kaso: 323,38 Fmk, por Donacoj: 4961,31 Fmk.

*La Loka Kongresa Komitato.*

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj) XIV. kongreso de Esperanto, Helsinki, Finnlando. Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

---

## KRONIKO.

### Belgio.

Dank' al la klopodoj de S-ro J. Pirnay, urba konsilanto, Esperanto estas enkondukita kiel nedeviga fako en la 4aj klasoj (12—14 jaruloj) de la knabaj lernejoj en Verviers. S-roj Jos. Parotte kaj Herion instruas. Malfermiĝas daŭre novaj kursoj. Laŭ la organizantoj la sukceso de Esperanto en Verviers estas ŝuldata al la regula ĉiusemajna enpresigo en lokaj gazetoj de informoj pri *praktika uzo* de Esperanto eltiritaj el nia gazeto kaj E. T. Imitinda ekzemplo.

### Britlando.

La 54a kvaronjara kunveno de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire elektis kiel P: S-ron J. Alker, S: S-ron J. H. L. Booth. La kunveno decidis sendi du oficialajn reprezentantojn al la konferenco por Esperanto en Lernejoj. Por la vojaĝelspezoj oni ricevis promesojn de 12 funtoj.

### Ĉeĥoslovakio.

Laŭ ordono de la poŝta ministrejo estas starigataj listoj de poŝtoficistoj 1) sciantaj, 2) lernantaj E-on. La 3. jarkunveno de Ĉ. E.-Asocio okazis la 12. 2. en Praha.

### Danio.

Okazis en København propaganda kunveno. F-ino A. Rybo paroladis pri la Praha Kongreso. Notinde estas ke la ministro de Ĉeĥoslovakio, S-ro M. P. Božinov, kaj la sekretario de la ambasadorejo D-ro B. Kuchta ĉeestis.

### Danzig.

La Senato decidis doni monate subvencion de 1000 MK al la Esperanto-Asocio.

### Francio.

La informo aperinta en nia januara n-ro pri la Ia internacia kongreso demokrata en Paris estis erara. Ni ricevis malveran informon.

En Lyon dum la jaro 1921 la reprezentantoj de UEA ricevis 523 korespondaĵojn kaj sendis 1379. La nombro de servoj estis 140. Trapasis 38 membroj de UEA.

### Germanio.

La esperantistoj plezure ekscios ke same kiel la firmo Hachette siatempe, la firmo Hirt & Sohn en Leipzig sin dediĉas nuntempe al pogranda eldono de esperantaj libroj. La firmo estas tre konata kaj el tiu iniciato rezultiĝos granda bono por nia movado. La estro de la esperanta fako estas nia del. S-ro B. Kötz.

La firmo Tietz en Köln instalis vendejon de Esperantaj libroj. Se tiu provo sukcesas ĝi estos farata ankaŭ en aliaj urboj.

**Hispanio.**

La Universitato de Valencia starigis kurson de Esperanto gviditan de S-ro José Ventura, en ĝia „Instituto de Idiomoj“.

Estas (kun tiu de Barcelona) la unuaj oficialaj enkondukoj de Esperanto en Universitatoj.

S-roj Seubring kaj Stoeltje, nederlandaj biciklistoj vojaĝantaj tra la mondo vizitis la grupon de Santander.

**Hungario.**

Okazis festo en Budapest dum kiu S-ro J. Baghy deklamis novajn poemojn. En Kaposvár S-ro J. Takacs gvidas tri kursojn.

**Italio.**

Esperanto estas instruata de S-roj Prof. A. Lacalendola kaj D-ro Cosentino ĉe la Reĝa Instituto Naŭtika kaj „Accademia Balcanica“ (200 lernantoj) en Bari. La grupo de Napoli restariĝis (adr.: Revuo „Rinascita“, via S. Lucia 34.).

**Jugoslavio.**

Parolado kaj kurso (24 p.) estis organizitaj en Trsat.

**Nederlando.**

La ministro de Instruado petis S-ron Sevenhuysen lin reprezenti dum la konferenco pri Esperanto en lernejoj. Dum 1921 aperis en Nederlando ĉirkaŭ 600 artikoloj pri Esperanto kolektitaj de F-ino N. Boon. S-ino Isbrücker komencis trian kurson en la Popoluniversitato de Rotterdam. Kurso por 30 fervojoficistoj, gvidata de F-ino H. Beukema, komencis en Groningen, alia por poŝtoficistoj, gvidata de S-ro B. Boon, komencis en Scheveningen.

**Pollando.**

S-ino Klara Zamenhof akceptis la honoran prezidantecon de la Tutpola Kongreso okazonta dum Pasko. La sekretariino de la organiza komitato estas: D-ino Muszkatblatt, Krachmalna 15, Warszawa.

La Urba konsilantaro en Lodz decidis nomi straton Zamenhof, sed antisemitaj partioj tiom bruadis, ke la polico forprenis la murŝildojn kun la nomo Zamenhof. Kiu do regas en Pola Respubliko?

**Ruslando.**

La poŝtrilatoj estas restarigitaj kun la pli multaj landoj interalie Svislando kaj Francio.

**Svislando.**

En Rorschach okazas kurso por senlaboruloj je la kosto de la komunumo. Instruas S-ro O. Haller.

Anglalingva parolado pri Esperanto estis farita de S-ro W. H. Underwood en la Anglalingva klubo de Genève. Sekvis interesa diskuto.

Nia konata samideano-amuzisto S-ro Harrison Hill, trapasinte Genève, kantis siajn originalajn komponaĵojn „Esperanto“ kaj „Mia Juliet“ ĉe la grupo. Estis ridega sukceso.

En Lausanne, ĉe Popola Domo, en Chaux-de Fonds al instruistaro kaj en Neuchâtel al Pedagogia Societo D-ro Privat paroladis pri Esp. ĉe lernejo. Post petskribo de la instruistoj en Neuchâtel la ŝtata registaro decidis delegi al la Ĝeneva konferenco s-ojn Stroele kaj Ducommun.

**Ameriko.**

Parolado de S-ro H. L. Buck en Llano Kolonio estis sekvi a de kurso kun 36 p.

**Aŭstralio.**

En Rabaul (Nov-Gineo) fondiĝis malgranda grupo ĉina; unu lernanto estas miksrasa ĉino-sudmarano. La lernantoj jam scias la germanan lingvon. Ilin instruas angleparolanta samideano kun helpo de germaneparolanta samideano kiu interpretas!

**Azio.**

La Otani-Daigaku (Budhista Universitato de la japana Budhismo) fondis esperantan grupon kun intenco propagandi per esperanto Budhismon kaj traduki la Budhan biblion. Adreso: Otani-Daigaku, Muromaĉigaŝira, Kioto. Kiu sin serioze interesas pri la fako skribu. La Lernejo de silkraŭpa scienco en Kioto deziras komuniki kun ĉiulandaj specialistoj per Esperanto.

En Pekin (Ĉinio) fondiĝis grupo inter la studentoj de la „Tsing-Hua“ kolegio.

# Esperantista Parolejo

## Oni petas

**Memoraĵo pri S-ro Josefo Rhodes.** La „Federacio Esperantista de Yorkshire“ (Angla graflando) deziras eldoni libron sub la titolo „*La vivo de Josefo Rhodes, pioniro de Esperanto en Anglujo*“, kaj invitas ĉiujn samideanojn, kiuj konatiĝis kun S-ro Rhodes — aŭ ĉe la Internaciaj kongresoj aŭ alimaniere — sendi iajn interesajn detalojn pri li aŭ liaj laboroj, por ke la komitato kiu entreprenas la libron povu elekti taŭgan materialon. Precipe oni deziras informon pri la *fruaj tagoj* de nia movado, kiam Dro Rhodes senĉese propagandis.

Bonvole skribu al S-ro Fitton, Meadon House, Shepley, Huddersfield, kiu ankaŭ petas antaŭ-mendojn por la libro eldonota.

**Infanaj desegnaĵoj** el popollernejoj estas kolektataj laŭ komisio de la eduka fako de provinco Jamanaŝi (Japanio). La kolekto estos grava propagandilo pri la praktiko de Esperanto por internaciaj enketoj. Interŝanĝe oni sendos desegnaĵojn de japanaj lernantoj.

Oni bonvolu sendi la desegnaĵojn (laŭnaturaj, laŭmodelaj, dekoraciaj k. t. p.) antaŭ la fino de julio. La desegninto propramane skribu sian nomon, klason, lernejon, lokon, landon, jaraĝon (sekson) kaj daton de la desegno nacilingve. La sendanto bonvolu aldoni tradukon prefere en esperanto, se ne en germ., franca aŭ angla lingvo. Adreso: Morizo Ga, Del. de UEA. 16. V. Kitamaĉi Aojama Tokio.

**Porblindulaj Vesperoj.** Ĉu la grupoj ne povus dediĉi unu el iliaj kutimaj kunvenoj al „Esperanta Ligilo“? La programo konsistus el la legado de interesaj biografioj de blinduloj se eble muzikaĵoj de loka blinda artisto, kaj monkolekto. Interesaj artikoloj kaj biografioj aperis en n-roj 56, 64 de E. T. Ĉiu blindulo ema sendi interesajn faktojn de sia vivo kaj ĉiu grupo intencanta aranĝi tian vesperon skribu al S-ro V. Hendricx, Zalmstraat 43, Gent, Belgio.

**Tro da monpetoj.** Ĉiutage venas al la C. O. de UEA aŭ al la Redaktoro de „Esperanto“ kortuŝaj kaj eĉ korŝiraj leteroj petantaj pri monhelpo al tiu aŭ alia samideano en Centra Eŭropo aŭ Ruslando. Eĉ foje la skribantoj anoncas, ke ili devos sin memmortigi, se ili ne ricevos favoran respondon. Kion fari?

Jam ofte la ĝenevaj esperantistoj sendis personan monhelpon en tiaj okazoj, sed la petoj nun fariĝas tiel multnombraj ke tio fariĝas praktika neeblaĵo por homoj neriĉaj, jam tre oferemaj por nia afero. Ankaŭ en la gazeto ni ne povas publikigi tiajn alvokojn, ĉar la legantoj plendas pri troa monpetado. Oni do bonvolu nin pardoni, se ni rekomendas ke oni evitu tiujn petojn, kiujn ni ne povas respondi, kiel ni dezirus. (Red.)

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

S-ro *Adolfo Oberrotman*, en Warszawa, tutkore dankas S-ron Bruno Ketterling, Del. de U. E. A. en Danzig, por faritaj servoj dum vizito en Danzig.

S-ro *Kreuz*, direktanto de la esp. fako de l'Frankfurta Foiro, dankas al la Delegitoj en Holbaek (Dan.), Gibraltar, Coomassie kaj Konstantinoplo, plue al la Vicdel. en Wien pro plenumitaj al li propagando-servoj.

S-ro *J. Klinger*, Del. en Tetschen, dankas kore al s-ro Couta Fernandez, prez. de la Brazila Ligo Esp., pro grava helpo por serĉado de perdiĝinta sinjoro.

S-ro D-ro *L. Kaspar*, juĝejestro en Eibiswald (Aŭstrio) kore dankas al S-ro D-ro Mondini, Del. en Rovereto (Italio) por afabla servo en afero jurista.

S-ro *G. W. Lee*, del. en Boston, multe dankas F-inon Ida Hornung, Del. en Augsburg, pro gravaj servoj.

S-ro *J. M. de Villa*, V. Del. en Habana, Cuba, kaj lia edzino, kore dankas pro gravaj servoj dum ilia vojaĝado tra Eŭropo: *Graz:* S-ino Bartel, kiu kun anĝela rideto ĉiam plej efike kaj sindone servis al ni; S-roj Bartel, Halbedl, Del., Osterer, Hallamayer, Calisto kaj Ges-roj Hackel. *Budapest:* Ges-roj Tolnai, S-ro Balkanyi, Del., Dro. Mezei, S-roj Nagy-Molnar, Szentgyörgyi, Laquer, F-inoj Patai kaj Lederer. *Praha:* S-ro Pitlík, V. Del. kaj F-inoj A. kaj F.

Crhová. *Dresden:* S-ino Fürth, Del., S-roj Ranft kaj Friebel, Ges-roj Lippmann kaj F-ino Kuntze. *Bratislava:* S-ro Vanitsek, Del. kaj F-ino Haissinger. *Leipzig:* S-roj Kötz, Del. kaj Petzold, V. D, Bennemann kaj Prof. Dietterle.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Ettore Managlia* en Genova naskiĝis filo nomita Remiĝo.

Al Ges-roj *F. Isella* en Lugano naskiĝis filo nomita Leandro.

Al Ges-roj *Fritz Pillath* en Essen naskiĝis filino nomita Eva.

Al Ges-roj *R. Hromada* en Praha naskiĝis filo nomita Georgo.

Al Ges-roj *A. Rudhardt* en Genève naskiĝis filo nomita Jean-Robert.

Al Ges-roj *Jules Aldebert* en Fresnes-Nord naskiĝis filo nomita Pierre.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *J. Kratochvilla* en Sered (Slovakio) kun F-ino *Börzsike Šimonovánsky*, el Nitra (Slovakio).

Prof. *Adamo Lacalendola*, Del. de UEA en Bari (Italujo) kun F-ino *Teresina Neglia.*

**Edziĝoj.** — S-ro *Pedro Naranjo Teran*, del UEA en Jerez de la Frontera kun esp-ino *Ma del Rosario Muñoz.*

S-ro *Walter Knopf*, D. en Benthen (Supra Silezio) kun F-ino *Luci Schmidt* el Benthen, lia Esp. lernantino.

S-ro *Józef Litauer*, V. Del. en Warszawa, kun F-ino *Marja Zugajewicz.*

**Honorigo.** — S-ro *Jos. Pirnay*, delegito en Verviers, fariĝis urba konsilanto kaj esperas helpi al nia movado.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Armida Del-Prato,** anino de la klubo „Ĉiam Antaŭen" en Biasca (Tiĉino), mortis 16-jara.

**Antoni Leonor,** malnova esperantisto, unu el la fondintoj de la grupo „Semo" en Barcelona.

**C. B. Mabon.** Multaj legantoj malĝojos pri la morto de tiu ĉi konata samideano. S-ro Mabon estis 53-jara. Li estis fervora membro de la Esperantistaro en Glasgow, sed lia nomo konatiĝis ankaŭ pli vaste pro liaj komponajoj, ekzemple la muziko por *La Gaja Migranto* de Zamenhof kaj tiu por la *Kantoj por Infanoj* de Applebaum. Por la Societo de Glasgow li estis ĉiam preta doni sian helpon, metante malavare je ĝia dispono sian muzikan kaj tradukan talenton. Ne nur la Societo mem, sed la tuta brita samideanaro, deziras esprimi koran simpation al la vidvino kaj filino de la perdita amiko.

**Radi Nikolov-Popov,** membro N-ro 13.819 el Tvardica (Bulgario).

**Hans Nüsslein,** malnova kaj fervora Delegito en Regensburg, mortis la 2an de januaro. Li estis bonkora, modesta kaj honesta homo. Perdinte filon en la milito li antaŭ tri jaroj adoptis kvinjaran polan orfinon kaj patre zorgis pri tiu infano. Antaŭ du jaroj hejmenvenante el sia oficejo li trovis sian edzinon mortintan pro apopleksio. La enterigo de S-ro Nüsslein ĉe kiu partoprenis lia adoptita filino kaj liaj du filoj estis tre emocia. J. A.

S-ino **T. Sasaki**, edzino de nia samideano el Jokohama.

**T. Ŝĉavinsky,** malnova esperantisto, membro de la Sto „Espero" kaj de Sovjetlanda Lingva Esp. Komitato, mortis. Ĝis militperiodo li estis redaktoro de „Feĉo". Lia nomo ne estos forgesata. A. N. L.

**Christ. Stoll,** del U. E. A. en Hanau a. M., mortis subite post operacio. Tiel foriris el nia tero alteŝatata, fervora ano de nia afero, kiu dum multaj jaroj intense subtenis nian movadon kaj idealiste oferis multan monon por sukcesigi nin. Liaj amikoj kaj ĉiuj samideanoj konintaj lin bedaŭregas elkore, ke jam tiel frue li mortis kaj sendas al liaj edzino kaj familio plej profundan kondolencon. Li ripozu pace. La memoro al li restos en niaj koroj. Sudokcidenta Ligo de germanaj Esp. Robert Kreuz, prezidanto.

S-ro **Albert Brunet**, patro de nia Delegito S-ro Charles Brunet en Bordeaux, mortis 70-jara.

S-ro **Gabert,** patro de nia Delegito Eugène Gabert en St. Etienne, mortis 82-jara sekve de tramakcidento.

**Edith Haas,** unu el la multaj aŭstriaj infanoj gastigataj de la esperanta Komitato por helpo al aŭstriaj infanoj, mortis en Zaragoza en la hejmo de S-ro Gastón, Prezidanto de tiu Komitato. Dum aŭgusto ŝia patrino vizitis ŝin pro la malsano kiu estis detranĉonta ŝian vivon.

**Abdul Baha.** Ni rajtas konsideri Abdul Baha kiel esperantiston kaj raporti ĉi tie pri lia morto: kvankam li ne parolis Esperanton li multe servis nian movadon rekomendante al la Bahaistoj. laŭ la 11a baza principo de la Bahai-rivelo pri Internacia Helpa Lingvo, la lernon de Esperanto. Li multe aludis pri nia movado dum paroladvojaĝoj faritaj en Britio kaj Usono.

Abdul Baha gvidis la Bahai-movadon depost 1892 kiam lia patro Baha'o'lláh mortis post 40 jaroj da ekzilo kaj malliberejo. Li propagandis Bahaismon al ĉiuj religianoj kaj en ĉiuj landoj kaj tiel kunigis Kristanojn kaj Mahometanojn, Budistojn kaj Parsojn, Hebreojn kaj Hindojn, en la plej spirita frateco ĝis nun konata.

Abdul Baha mortis en Haifa (Palestino) la 28an de Novembro lasta. Miloj da personoj el ĉiuj religioj akompanis lian korpon al la tombo de Bab (unua apostolo de Bahaismo mortinta en 1850), kiu troviĝas duonvoje de la supro de Monto Karmel. Estis la unuafoje en la Historio, ke profeto estis honorita de la reprezentantoj de kvin diversaj grandaj religioj. Nia n-ro de novembro 1921 entenis detalan artikolon pri Abdul Baha. La esperantistoj povas vidi en la noblaj instruoj de la Bahaismo la realigon de ilia idealo pri unueco kaj frateco.

# ❀ NOTOJ ❀

**La Pacifista movado en Britlando.** En la pli multaj landoj de Eŭropo „Pacifismo" signifas iom malfortan formon de kontraŭmilitarismo. En Britlando kontraŭe Pacifistoj estas neŝancelceblaj kontraŭmilitistoj kaj la tiel nomitaj kontraŭmilitaristoj male je aliaj landoj estas varmetaj pacifistoj. Dum la milito ekzistis forta movado „The No-Conscription Fellowship" kiu kunligis ĉiujn kiuj kontraŭstaris devigan servadon *pro la motivo ke milito estas krimo kontraŭ la homaro.* Ĉirkaŭ 6.000 viroj de milita aĝo rifuzis soldatiĝi pro konsciencaj motivoj. Ili estis elprenitaj el siaj hejmoj de la polico kaj alkondukitaj en la juĝejon. Preskaŭ ĉiujn oni transdonis al la milita aŭtoritato, kiu, kompreneble, penadis obeigi ilin. La traktado kiun multaj suferis en la armeo estis preskaŭ nekredebla en Britujo, tiel kruele agis la militaristoj. Sed nur malmultaj — tre malmultaj — cedis al la premado de tiu ĉi krueleco. Preskaŭ 6000 viroj rifuzis obei al la milita aŭtoritato malgraŭ ĉiuj minacoj kaj incitoj. La militaj juĝistoj, do, sendis ilin en malliberejon. Granda nombro, tamen, post mallonga malliberiĝo, konsentis fari nemilitan laboron sub regna regado kaj tiukondiĉe duone liberiĝis. Sed ĉirkaŭ 1000 rifuzis akcepti eĉ tiun ĉi kondiĉon. Kelkfoje oni revenigis ilin en la tendarojn, sed pro ilia neŝancelebla rifuzo de kondiĉa liberiĝo ili estis resenditaj en malliberejon kie la plej multo restis pli ol du jarojn. Tiun ĉi grupon, konitan kiel „Absolutists", oni ne liberigis ĝis aprilo 1919, t. e. 5 monatojn post la armistico. La prokonsciencaj servorifuzintoj nun fondis la „No More War International Movement (304, High Holborn, Rooms 5-6, London W. C. I) kies deklaro aperis en Esperanto No. 251. W. W.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. Membro (M): *5 Fr.*

*Membro-abonanto* (MA) ricevanta la gazeton: *12.50 Fr. — Membro-Subtenanto* (MS) ricevanta la gazeton: *25 Fr. — Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniuj naciaj favorprezoj). Naciaj prezoj por M, MA, kaj MS: **Aŭstrio:** *Kr. 500, 1500, 4000;* **Baltaj Ŝtatoj:** *G. Mk 25, 65, 150;* **Belgio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Britio:** *Ŝ. 5, 12/6, 25;* **Bulgario:** *L. 35, 80, 180;* **Ĉeĥoslovakio:** *Kr. 25, 65, 140;* **Danio:** *K. 5, 12.50, 25;* **Finnlando:** *Mk. 22, 60, 120;* **Francio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Germanio:** *Mk. 30, 80, 180;* **Hispanio:** *Pes. 6, 15, 30;* **Hungario:** *Kr. 100, 300, 600;* **Jugoslavio:** *Din. 25, 65, 140;* **Italio:** *L. 14, 35, 70;* **Nederlando:** *G. 2.80, 7, 14;* **Norvegio:** *Kr. 6, 15, 30;* **Polio:** *Mk. 500, 1500, 4000;* **Portugalio:** *Esk. 8, 20, 40;* **Rumanio:** *L. 30, 75, 160;* **Svedio:** *Kr. 4, 10, 20;* **Usono:** *D. 1, 2.50, 5.*

La Helpmembroj (HM) kategorio provizore kreita favore nur al jenaj landoj kun tre malbona kurzo. Aŭstrio: Kr. 300; Hungario: Kr. 50; Polio: Mk. 300. Ili ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevo de la jarlibro, gazeto kaj enskribo en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Naciaj favorprezoj.** Ni petas la Delegitojn en la koncernaj landoj noti en la tabelo jenan modifon kaj aldonon de prezoj, valorantaj post apero de tiu-ĉi numero.

| | | HM. | M. | MA. | MS. | Entrepreno |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Germanio | Mk. | | 30 | 80 | 180 | 80 |
| Hungario | Kr. | 50 | 100 | 300 | 600 | 300 |
| Portugalio | Esk. | | 8 | 20 | 40 | 20 |

| | | Anonco Koresp. | Petoj kaj Prop. 10 vortoj | Rekl. 1 *cm* | Insignoj 1p. | Insignoj 10p. | Anonco en la Jarlibro |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Germanio | Mk. | 10 | 8 | 50 | 20 | 200 | 360 |
| Hungario | Kr. | 25 | 20 | 125 | 60 | 600 | 1200 |
| Portugalio | Esk. | 1,50 | 1 | 3 | 3 | 27 | 80 |

La delegitoj en Brazilo rajtas pagi la kotizojn laŭ la bazo por francaj membroj t. e. Membro 10, MA 25, MS 50, Entrepreno 25. Koresponda anonceto 1,50, Petoj & Proponoj, 10 vortoj 1, Reklamo 1 *cm* alteco 4, Abono 20, Insignoj: 1 ekz. 3, 10 ekz. 27 *francaj frankoj*.

Oni povas pagi al ni per ĉekoj en franca mono sur iu ajn banko franca aŭ svisa; ĉekojn oni adresigu ĉiam sub nia nomo sed ne de oficĥavantaj personoj.

**Korespondado.** Ni atentigas, ke por certaj landoj ni sendas nian administran korespondadon kune al Delegitoj havantaj regulan rilaton kun ni. Tiu dissendas ilin al la koncernaj personoj. Rezultas por ni sentebla ŝparo, nepre nemalŝatinda nuntempe. Korespondaĵojn oni ĉiam adresu al ni: Universala Esperanto-Asocio, 12, Boulevard du Théâtre, Genève, sed ne sub persona nomo.

La membroj petantaj servon de Delegito bonvolu ĉiam aldoni sian membro-numeron kaj necesan afrankon por la respondo.

Ni rimarkas ke pro la ofta ŝanĝo de tarifo en multaj landoj multaj korespondaĵoj alvenas nesufiĉe afrankitaj. Krom tio korespondantoj el Germanio uzas poŝtkartojn ne konformajn laŭ grandeco. Por ĉiu nekonforma korespondaĵo ni devas pagi minimume 0,25 fr. Ni ree petas atente observi la tarifon, atente pezi leterojn kaj uzi poŝtkartojn laŭ grandeco 14 × 9 cm.

**Entreprenoj.** Kiel entreprenoj de UEA estas akceptataj firmoj, organizaĵoj kun internaciaj celoj k. a. Ne povas aliĝi kiel entrepreno la Esp. grupoj. Okazas, ke ni ricevas tiajn aliĝojn aŭ eĉ kiel membro-abonantoj!; ni notas ilin en la listo de la simplaj abonantoj.

**Biblioteko de UEA.** Nia biblioteko pliriĉiĝis je valoraj eldonaĵoj dank' al donaco de tuta valora biblioteko de S-ino Milsom en Genève, al kiu ni esprimas niajn sincerajn kaj korajn dankojn.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** Movado de la poŝtaĵoj dum januaro 1922: Ricevitaj: 1237. Forsenditaj: 1656. Entute: 2893. (Antaŭa monato: 2457.)

**Kotizoj por 1922.** Je la 31. januaro 1922 estis enkasigitaj 11 kotizoj de helpmembroj, 453 de membroj, 1615 de membro-abonantoj kaj 57 de subtenantoj. Entute: 2136. Entreprenoj: 24.

**Subtenantoj.**

*Tria listo:*

29. W. A. Buchheim, Boulder; 30. Ward Nichols, Washington; 31. Gerrit van Heek, Hengelo; 32. S-ro X. Omaha; 33. Jules Soissons, Sens; 34. Alexander W. Thomson; 35. S. Andrew, Feilding N.; 36. Albert Maertens, Gent; 37. M. G. Krane, Rotterdam; 38. Ch. Jayet, Morges; 39. Alexander Mann, Edinburgh; 40. I. H. Wright, Manchester; 41. Hans Janik, Unter-Franzenstal; 42. Armand Caumont, Basel; 43. L. Alseika, Dotnava; 44. Viktor Ruokis, Dotnava; 45. Otto Haller, Rorschach; 46. E. A. Hansen, Aalborg; 47. D-ro C. Baart de la Faille, Arnhem; 48. F. Mitschke, Stockholm; 49. Karl, St. Claude; 50. Cherblac, Tarare; 51. Michele Arabeno, Genova; 52. A. J. Adams, Hastings; 53. Otto Roesel, Boras; 54. P. Humberset, Le Locle; 55. Max Rother, Krefeld; 56. Karl Hillar, Bamberg; 57. W. M. Page, Edinburgh.

**Ĝenerala Elekto de Delegitoj kaj Vicdelegitoj.**

En jenaj lokoj okazis kunvenoj de membroj kiuj elektis aŭ reelektis jenajn delegitojn kaj vicdelegitojn:

| Lokoj: | Elektita D. aŭ VD.: | | Nombro de membroj: | Ĉeestis: | Voĉoj: |
|---|---|---|---|---|---|
| *Aalsmeer* | D.: | D. W. G. Kessen | 12 | 6 | 4 |
| (Nederlando) | VD.: | H. A. Hoogervorst | — | — | 3 |
| *Bradford* | D.: | J. T. Holmes | 11 | 6 | 6 |
| (Angl.) | VD.: | F. Wright | — | — | 6 |
| *Bratislava* | D.: | D-ro St. Kamaryt | 9 | 8 | 8 |
| (Ĉeĥosl.) | VD.: | E. Wanitsek | — | — | 8 |
| *Danzig* | D.: | B. Kielbratowski | 13 | 8 | 8 |
| | VD.: | M. Neumann | — | — | 7 |
| *'s-Gravenhage* | D.: | J. Ravenstein | 30 | 16 | 16 |
| (Nederl.) | VD.: | S-ino Isbrücker | — | — | — |
| *Graz* | D.: | A. Halbedl | 24 | 12 | 12 |
| (Aŭstrio) | VD.: | J. Wallner | — | — | 12 |
| *Liverpool* | D.: | F. H. Lockyer | 22 | 13 | 13 |
| (Angl.) | VD.: | J. Applebaum | — | — | 13 |
| *Lodź* | D.: | R. Meczynski | 45 | 27 | 27 |
| (Polio) | VD.: | W. Pfeiffer | — | — | 27 |
| *Lyon* | D.: | S-ino A. Farges | 65 | — | 37 |
| (Francio) | VD.: | A. Sandelyon | — | — | 37 |
| | VD.: | P. Besombes | — | — | 33 |
| *Malmö* | D.: | J. Petersson | 9 | 7 | 7 |
| (Svedio) | VD.: | E. Andersson | — | — | — |
| *Marseille* | D.: | R. Beck | 22 | 15 | 15 |
| (Francio) | VD.: | H. Isnard | — | — | 15 |
| *Milano* | D.: | I. Piatti | 25 | 10 | 10 |
| (Italio) | VD.: | L. Cattorini | — | — | 10 |
| *Olomouc* | D.: | A. Kudela | 19 | 19 | 19 |
| (Ĉeĥoslovakio) | VD.: | J. Mastný | — | — | 19 |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| *Palma de Mallorca* (Hispanio) | D.: J. Barcelo | 24 | 12 | 12 |
| | VD.: M. Ribas de Pina | — | — | — |
| *Skřivany* (Ĉeĥoslovakio) | D.: J. Nosek | 9 | 6 | 5 |
| | VD.: B. Pultr | — | — | 5 |
| *Sofia* (Bulgario) | D.: St. Minkov | 32 | 10 | 8 |
| | VD.: P. Kolev | — | — | 6 |

**Delegitoj.** Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Bakar* (Jugoslavio). — D.: S-ro Ŝirola Branko, ŝipestro, Marista Akademio.
*Biala Podlaska* (Polio). — D.: S-ro Abram Urmacher, fotografisto.
*Breznik* (Bulgario). — D.: S-ro Ĥristov Marin, Aptekar.
*Casteau-lez-Mons* (Belgio, Hainaut). — D.: S-ro Nestor Botte, milita kuracisto.
*Dison* (Belgio, Liège). — D.: S-ro G. Blause, fervojoficisto, r. Neuve 54.
*Dölzsehen* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Otto Müller, instruisto, Dresdnerstrasse 28.
*Flers-de-l'Orne* (Francio, Orne). — D.: F-ino Henriette Bousquet, 32, rue de la Planchette.
*Haine-St. Paul* (Belgio, Hainaut). — D.: S-ro M. van Reck, arkitekturisto, 17, rue de l'Eglise.
*Hampton Wick* (Anglio, Middlesex). — D.: S-ro J. E. Hookham, urba oficisto, 45, Holmesdale Rd.
*Holbaek* (Danio). — D.: S-ro Holger Hansen, instruisto, Ringstedvej 26/1.
*Ilford* (Anglio, Essex). — D.: F-ino W. Bothwell, instruistino, 78, Aldborough Rd.
*Jägerndorf* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro R. Horn, ŝparkasa oficisto, Minoritenplatz 14.
*Jelgava* (Latvio, Kurlando). — D.: S-ro K. Strazde, negocisto, Zalâ ielâ 13.
*Joenssuu* (Finnlando). — D.: S-ro O. Kettunen, kontoristo
*Karlsruhe* (Germanio). — D.: S-ro I. Futran, elektroteknikisto, Georg Friedrichstrasse 34.
*Leek* (Anglio, Staffordshire). — D.: S-ro G. J. Worthington, lernejestro, Moorhill.
*Leeuwarden* (Nederlando, Friesland). — D.: S-ro A. N. Koopmans, inĝeniero, Tjerk-Hiddesstraat 16.
*Mänagärde* (Svedio, Holland). — D.: S-ro Anders Carlson, bienulo, Silver gärde.
*Mainxe* (Francio, Charente). — D.: S-ro Edm. Poumereau, vinberkulturisto.
*Merscheid bei Solingen* (Germanio). — D.: S-ro Georg Naegele, komizo, Poststrasse 73.
*Michalovce* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro A. Spire, komercisto.
*Namur* (Belgio). — D.: S-ino Jeanne Dorsinfang, Direktorino de lernejo, 57, rue Henri Lemaitre.
*Nogent-sur-Vanisson* (Francio, Loiret). — D.: S-ro Jean Champdavoine, Dir. de l'Ecole St. Martin.
*Nowy Scaz* (Polio). — D.: S-ro August Kolomyjski, inĝeniero.
*Oakham* (Anglio, Rutland). — D.: S-ro L. W. Wright, farmisto, Langham.
*Oyonnax* (Francio, Ain). — D.: S-ro Léon Janvier, reprezentanto, 4, r. du Calvaire.
*Port-Harcourt* (Nigeria). — D.: S-ro Georges Gunst, Compagnie Française de l'Afrique Occidentale.
*Rapperswil* (Svisio, St. Gallen). — D.: S-ro Jakob Wiesner, kuirejestro, Marktgasse.
*Rockford* (Usono, Illinois). — D.: S-ro Karl Fröding, instruisto de lingvoj, 1217, Seventh Ave.
*Rosnay* (Francio, Indre). — D.: S-ro Félicien Baronnet, instruisto.
*Santander* (Hispanio). — D.; S-ro A. Cubas, pentristo, 35, Cuesta de la Atalaya. VD.: S-ro Jozé E. Pedraz, Rua Menor 32.
*Scheveningen* (Nederlando). — D.: S-ro C. H. Bramkamp, instruisto, Pansier straat 22; VD.: S-ro B. Boon, poŝtoficisto, Poŝtoficejo.
*Sitio Grande* (Kubo, Sta Clara). — D.: S-ro Mariano Bergua, komercisto.
*Skjelskör* (Danio). — D.: S-ro J. A. Sörensen, instruisto.
*Saint Hubert* (Belgio, Luxembourg). — D.: F-ino Louise Hemmer, komercistino.
*St. John's* (Newfoundland). — D.: S-ro R. E. Fairbairn, pastro, Hamilton Street.
*Tampico* (Meksiko). — D.: Ernesto E. Guerra, poŝtestro.
*Tylstrup* (Danio). — D.: S-ro A. P. Dueholm, instruisto.
*Veliki Bečkerek* (Jugoslavio). — D.: S-ro M. Kurz, magazenestro, Sukerfabriko.
*Viareggio* (Italio, Toscana). — D.: S-ro Guido Billet, oficisto, via San Martino 122.
*Whitechurch* (Anglio, Shropshire). — D.: S-ro H. M. Furber, Sedge ford.
*Wolverton* (Anglio, Buck.). — D.: S-ro Leslie Dolling, komizo, 26, Windsor Street.
*Wormerveer* (Nederlando, Noord Holland). — D.: S-ro G. Woud, fabriklaboristo, Noordeinde 95.
*Zuidhorn* (Nederlando, Groningen). — D.: S-ro Simon Van Ham, inspektoro de la Provinca Kanaladministracio.
*Zwickau* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Clemens Rudert, komercisto, Mühlpfortstr. 70.

**Ŝanĝoj.**

*Deventer* (Nederlando). — VD.: S-ro A. J. Bouwhuis, horloĝisto, Brinkgreverweg 8.
*Elberfeld* (Germanio). — VD.: S-ro Otto Schwacke, bankoficisto, Holzerstrasse 34.
*Girona* (Hispanio). — VD.: S-ro Conrad Domenech, instruisto, R. Albarez 12.
*Lausanne* (Svisio). — VD.: S-ino Mathilde Kohl, hotelistino, Hôtel-Pension, Ste Luce (apud la stacidomo).
*Roma* (Italio). — VD.: S-ro Ermanno Filippi, fervojoficisto, XXXI, Via Caio Mario 7.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Atemaxac* (Meksiko); *Bremen* (Germanio); *Coomassie* (Afriko); *Cuxhaven* (Germanio); *Schönberg* (Ĉeĥoslovakio); *Vinkovci* (Jugoslavio).

---

**Por rusaj malsatuloj.** Reveninte el Ruslando, D-ro Nansen raportis en Ĝenevo al la internacia konferenco por helpo al rusaj malsatuloj. Poste li komencis grandan propagandan paroladvojaĝon tra Okcidentaj ĉefurboj por kolekti monon. Tradukinte kaj helpinte lin en Ĝenevo kaj Parizo, D-ro Privat ankaŭ rondvojaĝis tra Svisaj urboj samcele kaj monkolektis tridek mil frankojn por D-ro Nansen. Ĉie la esperantistoj malavare partoprenis.

**Ekonomika Internacia konferenco** baldaŭ okazonta en Genova tre priokupas nuntempe la politikajn rondojn. Jen kelkaj informoj pri la Reĝa Palaco en kiu ĝi okazos.

Tiu konstruaĵo (N° 10 via Balbi) estis konstruita en 1650—1657 de lombardaj arkitekturistoj, Giovanni Augusto Falcone kaj Francisco Cantoni por la aristokrata familio Durazzo. Ĝi estis plivastigita en 1705 de arkitekturisto Carlo Fontana kaj akirita en 1817 de reĝo Vittorio Emanuele I. Reĝo Carlo Alberto renovigis ĝin laŭ planoj de arkitekturisto Michael Canzio en 1842.

La ekstera aspekto de la palaco ne estas tre rimarkinda sed la salonoj kaj peronoj estas vere belaj. El la granda teraso oni ĝuas ĉarman vidaĵon sur la haveno.

En la diversaj salonoj estas skulptaĵoj, freskoj, pentraĵoj, portretoj, statuoj faritaj de konataj artistoj.

En la Reĝa Palaco sur la unua etaĝo jam funkcias oficejo por antraŭprepari la konferencon.

---

**U. E. A. kreskos kaj fortiĝos precipe per la individua agado de ĉiuj siaj membroj. Por 1922 ĉiu membro klopodu por varbi almenaŭ unu novan Asocianon!**

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

**Problemo N-ro 26.**
*H. Johner.*
(Turniro de solv. Lausanne 1919.)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 27.**
D-ro *Caldas Vianna.*
(Brasil Charada 1921.)



Blanko matas per la 3-a movo

**Problemo N-ro 28.**
Dro. *E. Palkoska.*
(Checkmate 1903.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 29.**
D-ro *Ed. Mazel.*
(Nár. Politika 1910.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**N-ro 26** kun blokado, bazas sur la ideo de *reciproka interrompado de la vojo.* La aŭtoro sukcesis ripeti dekfoje la momenton de la vojinterrompo. La nigraj figuroj reciproke unu al la alia baras la vojon de efiko kaj tiamaniere estas ĉiam liberigataj kampoj, el kiuj la Blanko povas mati. Majstra verko!

**N-ro 27** uzas en la ŝlosilmovo la *liberigon de la kampo,* kiu estas en la ĉefludo pli poste okupata de la matanta Damo. La blokado estas bone esprimita. La ne sufiĉa ludado per la Kuriero kaj Ĉevalo pruvas, ke la aŭtoro ne multe ŝatis la ŝparemon de la fortoj.

**N-ro 28** estas minacproblemo kun aplikita ideo: *submeto de figuro celante la interfikson de la nigra figuro.* La ideo estas esprimita *laŭdiagonale.*

**N-ro 29** enhavas la saman ideon de *submeto,* sed *laŭfrunte* esprimitan.

La figuro estas *submetata* al alia figuro aŭ vico da figuroj se oni volas ricevi certan efikon de ĝia forto trans tiu ĉi alia figuro aŭ en la figurvico. Per submeto de la figuro oni haltas ankaŭ la paŝantajn peonojn. En la problemideoj oni uzas ofte la submetadon de la figuroj kiel movojn preparajn.

*Solvoj de la problemoj.*

**N-ro 20.** 1. Ka7—d4, Rb5×a5, 2. Tc6—c7 k. t. p.
1. . . . . ., Rb5—b4, 2. Tc6×d6 k. t. p.
1. . . . . ., Rb5—a4, 2. Tc6—c4+ k. t. p.

**N-ro 21.** 1. Dc2—g2 k. t. p.

**N-ro 22.** 1. d5—d6 k. t. p.

**N-ro 23.** 1. Tg3—d3, Td1×d3, 2. Ra8×a7 k. t. p.
1. . . . . ., f6×e5, 2. f5—f6 k. t. p.

**N-ro 24.** 1. Da6—c4 (sesfoje prenebla) k. t. p.

**N-ro 25.** 1. Tb1—h1, c3—c2 aŭ d4—d3, 2. Th1×h3 k. t. p.
1. . . . . ., g3—g2 aŭ f6—f5, 2. Da1—e1 k. t. p.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la probl. n-ro 20 kaj 21:* H. T. Bailey, London; Th. Rawlinson, Liverpool (Angl.)

### Finnlando

**Uusikaupunki.** — S-ro K. Walovuori, komercisto, PM.

### Francio

**Arcueil** apud Paris. — F-ino Yvonne Gény, 46 Avenue du Docteur Durand, PI, PM k. ĉ. l.
**Boulogne-sur-mer.** — S-ro Barthélémy, 144, rue de Calais. Purajn, bonstatajn PM pokvante kun fremduloj. Sendu rekomendite. Ne aĉetas.
**Cette** (Hérault.). — S-ro Joseph Mouchet, 6 Rue Yssanka, PM, PI k. ĉ. l.
**Cette** (Hérault.). — S-ro Raoul Henric, Qui Général Durand 34, PM, PI k. ĉ. l.
**Cette** (Hérault.). — S-ro Marcel Robert, 7 Rue Yssanka, PM, PI k. ĉ. l.
**Cette** (Hérault.). — S-ro Marcel Barthelemy, 13 Rue Rouget de l'Isle, PM. PI, k. ĉ. l.
**Cette** (Hérault.). — S-ro Jules Barrat, 16 Quai Pasteur PM k. ĉ. l., korespondas germane, esperante.
**Cholet** (M. et L.). — S-ro Marcel Roy, rue Roussel PI, k. ĉ. l.
**Paris.** — S-ro F. Brienne, 10, rue de Belzunce, PI, PM, k. ĉ. l.
**Paris.** — S-ro Georges Gaillaire. 50 Avenue des Ternes, PM k. ĉ. l.
**Paris.** — S-ro Pierre Lagereau, 97 Boulevard Arago, PM k. ĉ. l.
**Paris.** — S-ro Paul Brocheriou, 6 Avenue du Maine, PM k. ĉ. l.
**Paris 19.** — S-ro Raymond Dorémus, 89bis rue Petit PI, bfl. k. ĉ. l.
**Salbris** (Loir-et-Cher). — S-ro Emy, PI nur naciaj kostumbildoj, escepte Ĉeĥoslovakio.

### Germanio.

**Buer i. W.** — S-ro Paul Petzold, Sedanstrasse 42b. PI k. ĉ. l.
**Hagen i. W.** — S-ro Joseph Staubach, Südstr. 6, PI, L, PM k. ĉ. l.
**Köln-Kalk.** — F-ino W. Schwarz, Odenwaldstr. 68. PI, L, k. ĉ. l.
**Merseburg a Saale.** — S-ro Fritz Reiche, Schupokraft, L, PK.
**Merseburg a. Saale.** — S-ro Hermann Schmidt, Unteraltenburg 10, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Merseburg a. Saale.** — F-ino Marie Schmidt, Unteraltenburg 10, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Merseburg a. Saale.** — S-ro Oswald Wittig, Klausentor 3, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Reichenbad** b. Grossvoigtsberg i. Sa. — S-ro Alwin Gehre, PM.

### Hispanio

**Jerez de la Frontera.** — S-ro Manuel Lorente, Esp. Grupo, PM, k. ĉ. l.
**Sabadell.** — S-ro Isidro Valls, Union, 99, PI.
**Sabadell.** — F-ino Antonia Renom, Arguelles, 113, PI.
**Sabadel.** — F-ino Carmen Pont, Casanovas, 29, PI.

### Hungario.

**Budapest.** — S-ro Fenyes Zoltan, Dob-u. 5/II, PK, PM (rekomendite, sendu unue).
**Budapest.** — S-ro Julio Havalda, Hajós u. 43.—48. PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Francisko Mehr, Nagydiófa u. 27. PI, bfl, PM (laŭ Michel 1922), k. ĉ. l.
**Erzsébetfalva.** — S-ro Franz Lipschitz, Kossuth tér 10. L, PI, PM, bfl.
**Miskolcz.** — S-ro B. Illyés, pastro, Major u. 52. L, PI, bfl., k. ĉ. l.

### Italio

**Genova.** — S-ro Luigi Soleri, via Amandorla 5—9, PM (kun spertaj filatelistoj).
**Lampedusa (Girgenti).** — S-ro O. Di Maggio, PI de famaj homoj en ĉiuj branĉoj de aktiveco kaj ideoj.
**Milano 8.** — S-ro A. G. Cattorini, via S. Vittore Teatro 17, gaz., PI (sen korespondo), PM (rekomendite).
**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, Casella Postale I, PI, bfl, PK, L, PM. k. ĉ. l.
**Roma 4.** — S-ro Elio Migliorini, Piazza Scanderbeg 85, sendas PI de Romo kontraŭ PM.

### Litovio

**Kaunas.** — S-ro M. Jacobson, Laisves Aleja 38. Nur PM k. ĉ. l. laŭ Senf, Michel, Yvert. Preferas elektafoliojn aŭ kajerojn. Difektitajn resendas sen afranko. Ne sendas unue.

### Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PK, PM (escepte centra Eŭropo).
**'s-Gravenhage.** — S-ro J. M. van Stipriaan Luiscius, advokato, deziras ricevi kartojn kun juĝejoj (sendos aliajn kartojn).
**Heelsum.** — F-ino E. Guldemont deziras militmonon, sendos PI, PM aŭ monon.

### Pollando

**Bialystok.** — S-ro J. Ajer, Skrzynka Pocztowa 53, L, PI, bfl, papermono.
**Bialystok.** — S-ro S. Ripp, Fabryczna 5, interŝ., vendas pm., papermonon.
**Częstochowa.** — S-ro Czesław Fazan, Raków, PI, PM (serioza laŭ ĉiuj katalogoj).
**Częstochowa-Raków.** — S-ro Jozef Tadeusz Stryjewski PM, k. ĉ. l. (kun spertaj kaj seriozaj filatelistoj).
**Częstochowa.** — S-ro Józef Zakrzewski, „Czestochowianka" PM, PI.
**Jaslo.** — S-ro Salo Kornfeld, PM (PI, L, nur kun fraŭlinoj).
**Lodz.** — S-ro Geo Kvejlman, PI, L, k. ĉ. l. (esp.-aĵoj, gazetoj).

### Rumanio

**Braŝov.** — S-ro D-ro Roberto Adolfo Fanta, prof. de Esp., Strato Longa 215. L, PI, k. ĉ. l.
**Cluj 1.** — S-ino Helena Teodor Minedean, telegrafistino. PM neuzitajn, PI. Esp.-aĵo (kun seriozaj kolektantoj) papermonon.
**Kisjenö** (judetul Arad). — S-ro Ladislaus Fodor. PI, (vidaĵoj de kasteloj, etnologio, urboj).
**Sfântu-Gheorghe** (jud Treiscaŭne). — S-ro Maŭrico Grünfeld, duagrada juĝisto. L, PI, k. ĉ. l.

### Ruslando

**Tver** — .13 gestudentoj L, PI, esp-aĵoj. Industri-Ekonomia Instituto, Sovetskaja ul. 1.
**Voronej.** — S-ro A. Augustin Fridrich Engels ul. 16, Hospitalo 794. PM, PI.

### Svislando

**Locle.** — S-ro Maurice Cart, Beau Site 12, PM.
**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo »La Difesa« via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp-aĵoj.
**Wangen** b. Düb (Zürich). S-ro Eugen Isler, L (nur pri seriozaj temoj) k. ĉ. l.

### Ameriko

**Boone** (Iowa, Usono). — S-ro C. H. Gibbons, Biblia Kolegio respondos al ĉiuj, letere pri la Korpaco de Kristanismo.
**Panama** (Canal Zone). — S-ro E. A. Young, 30, L (pri agnostikismo, terkulturo, laktfarmado). Rifuzos PI, PM, monerojn k. t. p.

### Aŭstralio

**Dargaville** (Auckland, Nov-Zelando). — S-ro James Vodanovich, Box 81, PI.

### Azio

**Okajama** (Japanio). — S-ro Kazuo Nozaki, Juminoĉo 64 (belartaj gazetoj, artaj fotografaĵoj).
**Osaka** (Japanio). — 8 studentojL, PI pere de S-ro Hidenoske Tanaka, Osaka Koŝo, Tennoji.
**Tokio** (Japanio). — S-ro Joŝinobu Joŝinaga, Komaba Teidai Kiŝukuŝa, L, pri urboplano, komuna tombejo, ĝardenkulturo.

---

## JUNULA KORESPONDADO

Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.

**Braŝov** (Rumanio). — S-ro Francisko Szöke, (15-jara), Strato Spitala 61. L, PI PM, k. ĉ. l.
**Huddersfield** (Anglujo). — F-ino Morton, Mount Pleasant, Dalton, deziras korespondantojn el ĉiuj landoj por siaj kursanoj (knaboj de 10 gis 13 jaroj en taga lernejo).
**Oradea-Mare** (Rumanio). — S-ro Ernesto Vadász, studento, (17-jara) Str. Baross 8. PI, L kun fraŭlinoj.

---

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 50 Kr.; *Belgio* 1 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 8 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 4 Kr. ĉ.; *Finnlando* 3 F. M.; *Francio* 1 Fr.; *Germanio* 4 M.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 20 Kr.; *Italio* 1.50 L.; *Jugoslavio* 8 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 100 M.; *Skandinavio* 0.75 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Adresŝanĝo.** — S-ro Eduard Ney, kiu loĝis Lembitu tänav 4, Narva, petas siajn korespondantojn noti lian novan adreson: Lai tänav 27, Rakvere, Estlando.

**Altlernejo.** — Lerta hispana samideano, laborema, serioza, malriĉa, sopiras fondi lernejon per ĉiuj progresoj de la moderna pedagogio. Por tiu grava kaj nobla celo, li petas de bonkoraj gesamideanojn profesorojn helpon, sendante al li librojn, ĉiuspecan pedagogian materialon, k. t. p. Elspezojn li volonte repagos kaj ankaŭ sendos PI, PM, esp. gazetoj kaj aliajn objektojn deziratajn. Esperanto Oficejo. Strato la Rosa, 21 Sta Cruz de Tenerife, Kanariaj Insuloj.

**Atentigo.** — S-ro Bouvier, Del. de U. E. A. Genève rekomendas ne respondi al la anonco de S-ro L. Bouzac en Biarritz kiu sendis nenion kontraŭ la sendita mono kaj ne respondis je liaj plendoj.

**Atentu.** — S-ro Paderi Ferdinando, Pisa, ricevinte multajn korespondaĵojn ne tuj sed certe plej baldaŭ respondos.

**Atentu.** — Jan Meyer, De Rijp (antaŭe Heerewaarden) pro taga laboro ne povas respondi al siaj korespondantoj. Petas pardonon!

**Aŭstriajn poŝtmarkojn!** Ĉu vi jam ĉiujn posedas? Ne? tiam skribu al la suba adreso! Mi liveras ĉiujn aŭstriajn poŝtmarkojn pli malkare ol ĉiu! Ĝenerale nur 50% de la katalogprezoj de Michl aŭ Yvert kaj Tellier. Kontraŭ referencoj mi ankaŭ sendas belajn elektaĵojn de aŭstriaj kaj alilandaj poŝtmarkoj. Josef Kolnhofer, Wien, 13./4. Zehetnergasse 37.

**Centra Librejo Esperanto** en Sofia deziras esti en rilatoj kun ĉiuj esperantaj eldonejoj kaj librovendejoj.

**Ĉiu** Esperantogrupo kiu sendas al mi per rekom. letero fr. sv. 10·— aŭ samvaloran sumon ricevas de mi specimenaron da 14 profitdonaj belegaj esperantaĵoj, H. Röhlich, Del. de UEA, Gablonz a./N., Wasserg. 7, Ĉeĥoslovakio.

**Ĉiu** filatelisto, kiu sendos al mi kompletan serion da nestampitaj nunaj p. m. de sia lando, ricevos de mi laŭ elspezita sumo divers. Esp. insignojn. Esceptataj Germanujo, Polujo, Aŭstrujo. H. Röhlich, Gablonz a./N., Wasserg. 7, Ĉeĥoslovakio.

**Diverskolorajn adres-glumarkojn**, bonege gluitajn, kun via plena adreso mi sendas po 300 pecoj por p. m. (60 malsamaj aŭ 90 kun duoblaj) aŭ 1 svisa franko aŭ egalvaloro. Specimenojn senpage. Skribu tre klare al W. Krause. Berlin N. O. 55, Friedebergerstr. 1. (Germanio). Ankaŭ interŝanĝas Esp.-sigelmarkojn.

**Edukisto.** — Juna germana instruisto, 22-jara, deziras okupadon kiel dominstruisto ĉe eksterlanda germana familio. — Adreso: Hermann Petermann, Hagen i. Westf., Germ., Fleyerstr. 57.

**„Esperanto“.** — S-ro Ploussu, 4, place J. Achard, Grenoble (Francujo) pagos, eĉ kare, la n-ron 182. okt. 1915 al kiu sendos ĝin al li.

**„Esperanto“.** — Mi bezonas kontraŭ mono aŭ esperantaĵoj la numeron 250. Mi povus fordoni la n-rojn 172—175, 177—183, 185, 192—204. Proponojn al König Lajos, profesoro Felsökereskedelmi iskola, Miskolcz (Hungario).

**Estimataj redaktoroj** kaj eldonistoj en ĉiuj landoj! Mi ne intencas Vin ekspluati. La alvokoj estas oftaj, sed atentu la mian! — Bonvolu sendi al mi po 1 ekz. de ĉiuj Esper. gazetoj, libroj k. t. p. por la migranta ekspozicio en Estonio. Insiste mi petas malaltigi la prezojn de l' sendaĵoj el bonvalutoj landoj. Rekompence Vi ricevos Esperanto. Esperanto Triumf., Esper. Finnlanda aŭ aliajn gaz., aŭ monon. Referencoj Konto ĉe U. E. A., Esper. Triumf. kaj Esper. Finnlanda. Adresu: Haapsalu, Estonio, J. Grünthal, pk. 15.

**Filatelistoj.** — Sendas belajn valorajn italajn PM kontraŭ alilandaj valoraj Soleri Luigi, v. Amandorla 5-9, Genova.

**Filatelistoj.** — S-ro Czesław Fazan, Częstochowa-Raków, interŝanĝas PK., MP., k. ĉ. l. kun spertaj filatelistoj. Sendas PM. el Polio, Meza Litovio, Ukrainio kaj el Latvio laŭ ĉiuj katalogoj.

**Filatelistoj,** kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébet-körut. 16.

**Filatelistoj.** — 200 bonegajn malsamajn PM kun 3000 aliaj diversaj mi sendas kontraŭ 10 francaj frankoj. Brienne, 10, rue Belzunce Paris.

**Filatelistoj!** — Kontraŭ kvin frankoj mi sendas kompletan neuzitajn seriojn da rumanaj poŝtmarkoj. Skribu al S-ro A. Teodor Minedean, poŝtoficisto, Cluj, Rumanio.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi malsamajn poŝtmarkojn de via lando, mi tuj sendos al vi saman kvanton de Ĉeĥoslovakio. — S-ro A. Klabačka, poŝtestro, Bystřice-Hostýn, Moravio, Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj!** — Kiu sendos al mi 50—100 poŝtmarkojn de sia lando eble plej diversajn (ne ordinarajn aŭ multuzatajn) ricevos de mi samvalorajn germanajn, ankaŭ de regionoj okupitaj. S-ro Cl. Rudert, Zwickau (Sa.), Mühlpfortstr. 70.

**Filatelistoj atentu!** — S-ro Miĥail Milĉev, del. UEA (apoteko S. Menaĥemov) Varna (Bulgario), vendas serion de Bourchier (Baŭĉer) rememoraj markoj por 2·50 fr. frankoj, pli ol kvin serioj po 1·80 fr.; vendas ankaŭ pogrande kaj detale aliajn bulgarajn markojn je tre favoraj prezoj. Postulu prezojn, indikante numerojn laŭ Yvert aŭ Michel 1922. Korespondas esperante, france kaj germane.

**Fraŭlinoj!** edziniĝu! — Dudekjara esperantisto kun bonaj moralaj kvalitoj serĉas sinceran amikinon en sia vivo, ne pli aĝan ol 18 jaroj. La posedataj vivrimedoj ne ludos gravan rolon. Proponojn sendu per S-ro Boris D. Konstantinov por S-ro B. M., Pleven, (Bulgario).

**Germanaj presistoj.** Sendu vian prezaron al F-ino E. Guldemont, Heelsum, Nederlando.

**„Homara Interkonsento“** serĉas kontraŭnaciemajn, liberpensajn korespondantojn. Skribu al S-ro K. Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O 17 (Germanio).

**Interŝanĝo.** — Sendu manpentraĵojn al: Emy, Salbris (Loir-et-Cher) Francio; kaj vi ricevos francajn pentraĵojn aŭ desegnaĵojn. Nur serioza. Enpaku bone.

**Komercaj sciencoj.** Francajn samideanojn mi petas sendi al mi indikojn (katalogojn) koncerne al la franclingvaj libroj pri komercaj sciencoj (politika ekonomio, bankaferoj, librotenado k. t. p.), precipe enciklopedioj kaj lernolibroj. Repago per mono aŭ esp. libroj. Skribu al Rud. Hromada, Praha-VII., Sochařská 333.

**Lumbildoj.** — S-ro P. H. Lewis, 12, St. Clement's Road. Bournemouth, Anglujo, serĉadas porkopian materialon, bildojn, fotografojn, ktp. por fari taŭgan lumbildan prilegon pri nia lingvomovado; mi pagos justan prezon, kaj promesas redoni sendotaĵojn, senprokraste kaj en bona stato. Ankaŭ serĉas korespondantojn por lernantoj en ĉiuj landoj.

**Novajn aŭstriajn poŝtmarkojn** liveras por la nominala sumo kaj 20%, plialtiĝo en ĉiu nombro al ĉiu samideano Josef Kolnhofer, Wien, 13./4. Zehetnergasse 37.

**Pacifistoj tutmondaj!** — Preskaŭ ĉe ĉiuj nacioj ekestas potenca, ĝis nun parte sekreta kaj persekutita agado kontraŭmilita, kiu hodiaŭ ricevas formon de nekontraŭstarebla movado. El ĉeĥoslovaka respubliko venas la impulso al tutmonda unuiĝo de ĉiuj, kiuj el morala (kristana) konvinko rifuzas militan servon. Kiu konsentas kun ĉi tiu granda ideo, estas petata skribi al la verkisto Přemysl Pitter, Praha-Karlin, Čelakovského 7, Ĉeĥoslovakio, kiu donos pluajn detalajn sciigojn.

**Poŝtmarkoj.** — Sendu 50—100 PM de via lando kaj mi sendos al vi samvalorajn PM de Usono. Arthur Carthew, 5108, Chestnut St. Philadelphia, Pa.

**Ruslando.** — Kie troviĝas S-ro Ĥono (Cohn?) Karton kaj lia edzino? Ilia adreso antaŭ 5 jaroj estis: Ostrogorsk, Voroneja Gub. Hebrea Komitato. Ili estas serĉataj de iliaj infanoj en Ameriko. Sendu informojn al: Esperanto-Office Detroit, Mich. Usono.

**Rusoj Atentu!** — S-ro Hearly Sykes, 88, Lowerhouses, Huddersfield, Anglio, deziras informon pri sia korespondanto (19-jara en 1914) Vasilij Ivanovich Kopilov, Vjazniki, Vladimirskaja gub., Kaznaĉejstvo.

**Senkulpigo.** — Perdinte la adresojn de samideanoj sendintaj al mi poŝtmarkojn interŝanĝe mi petas komuniki iliajn adresojn al S-ro Blindhuber, München, Kurfürstenstr. 8.

**Suditalaj samideanoj!** — Kiu povus serĉi okupadon en la laborejo por dudekjara hungara maŝinseruristo? Mi estas ankaŭ sportisto (altensaltisto 170 cm). Francisko Kiss, Timiŝoara, III., Str. Romulus 11 (Rumanio).

**Tutmonda** Filatelista rondo „Esperanto“ serĉas seriozajn membrojn ĉiulande. Max Ultmann, sekretario, Wien II., Taborstr. 41, Aŭstrio. Postulu prospekton!

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** sama kiel »Petoj kaj Proponoj«.

**Anglo** deziras aĉeti iam kaj de ie en la mondo ekzemplerojn de novaĵoj — infanaj ludiloj, galanteriaĵoj ktp., malmultekostajn por vendi en Anglujo. Volonte pagos por specimenoj kaj mendos pogrande poste iajn facile vendeblajn objektojn, pagante 5% rabaton al la koniganto. »Anglo«, 151 Waids House Road, Nelson, Lancashire, Anglujo«.

**Berlin.** — Ĉiuj komisioj estas zorgeme prilaborataj de F-ino Martha Rabe, Bandelstrasse 45 P. A. 21.

**Brodaĵoj.** — Kiu sendos al mi 10 stampitajn respondkuponojn ricevos en rekomendita letero Esperanto-Brodaĵon N-ro B, belege manfaritan kun surskribo »Esperanto« verdstelo, ĉina traduko 15 : 20 cm., taŭga por enkadrigi. G. S. Gee, Haiyen, via Shanghai, Ĉinio.

**Ĉiu** riprezentanto, komercisto, butikisto, kiu interesiĝas pri biĵuterio, vitraĵoj, porcelanaĵoj, skribilaroj, inkujoj, sendu senprokraste sian adreson al H. Röhlich, komercisto, Del. de U. E. A. Gablonz a. N., Wasserg. 7., Ĉeĥoslovakio. Specimenaro fr. sv. 30.

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** deziratajn el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per Internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Esperanto-insignojn** (escepte U. E. A.), kravatpinglojn, tabakujojn, alumetujojn, cigaredujojn kun verda stelo kaj esperanto surskribo mi vendas. Specimenaro fr. sv. 10. — aŭ samvalora sumo. Ĉiulanda mono akceptata. Sendu per rekom. letero al komercisto H. Röhlich, Gablonz a. N., Wassergasse 7, Ĉeĥoslovakio.

**Franco** kun bonaj referencoj komercaj deziras reprezenti en Paris eksterlandajn firmojn pri ĉiuj komercaĵoj kaj produktoj. Donos komercajn informojn pri ĉiuj francaj komercaĵoj. Perfektaj diskreteco kaj honesteco. Emile Béchet, 28, rue Leroyer, Vincennes-Paris.

**Hispanio.** — S-ro Gaudencio Vazquez, calle Jaime Vera 26, Nerva deziras korespondi kun gravaj komercistoj el ĉiuj landoj kiuj deziras eksporti komercaĵojn al Hispanio.

**Importo.** Reprezentado. Eksporto. Schernikau & Co., Frankfurt a. Main (Germanujo), firmo fondita en 1902, peras ĉiuspecajn negocojn, korespondas angle, esperante, france, germane, hispane, itale. Posedanto estas malnova samideano.

**Komerco.** Eksportado. — Ben Saïd Guenoun kaj Ko, Alĝeria — Belga cigaredmanufakturo, rue Augustin Delporte 28, Bruxelles, serĉas agentojn en ĉiuj landoj. Oni korespondas esperante, france, germane kaj flandre.

**Kuba.** — Eksporto kaj importo de komercaĵoj: S-ro Fructuoso Fernández, komercisto, 24 de Febrero 15—17, Matanzas (Cuba).

**Maŝinoj.** — Ĉiujn maŝinojn por agrikulturo kaj industrio vendas, aĉetas kaj peras Ferdinand Jochmann, komercisto de maŝinoj Pihl bei Haida (Ĉeĥoslovakio). Peranto de mondfama nordbohema vitroindustrio.

**Negocojn** ĉiuspecajn peradas Edgar Roitzsch, Sebnitz in Sachsen (Germanio). Vidu reklamon.

**Plateno-metalon** aĉetas k. vendas (nur programde **k.** laŭleĝe) Georg Reimann, Möckernstr. 71, r. III, Germanio (helpantoj ĉiulande serĉataj).

**Poŝtmarkoj:** Mi vendas ĉiuspecajn nuntempajn Francajn koloniajn neuzitajn poŝtmarkojn: Bazo: Folie-nominala valoro en Franca mono +15%, unuope +30%. Specialaj kondiĉoj por vendistoj. Sendkostoj plie por mendo malpli ol 50 frankoj Sin turni al Sro. L. Prévot, deleg. de U. E. A. 70 Boulevard Champigny. La Varenne, St. Hilaire (Seine).

**Pri moraleco.** — Aĉetu: „La Principo de la Movado por Ĉasta Vivo“, pliklarigita el ideala kaj praktika vidpunktoj. Tradukis: C. J. Roskes-Dirksen. Prezo: fr. 0.25, afrankite fr. 0,30, rekomend. fr. 0,45. Rabato por kvantoj. Havebla ĉe D. Roskes, van Loostr. 68. den Haag (Nederlando).

**Rozoleo bulgara** garantiite aŭtentika en luksaj boteletoj de 5 gr. sendas kontraŭ 25 francaj frankoj R. Červenakov, ul. Krestec 7, Sofia (Bulgario).

**Spongoj** kaj salitaj sardeloj. Produkto kaj eksporto S-ro Salvatore Di Maggio-Lampedusa (Italujo).

**Tabako.** — Georgi Dimitrov Kafaliev, ulica Diustabanov No. 39, Plovdiv (Bulgario). Sperta tabakoficisto deziras interrilati kun eksterlanda tabakkomerca firmo, aŭ tabakfabrikejo. Donas informojn kaj ĉiujn bezonaĵojn rilate tabakkomercadon kaj tabakkulturon de tuta lando Bulgario. Leterojn nur pri tiu ĉi temo kun eksterlanduloj.

PRESEJO »POLITIKA«, PRAHA, ĈEĤOSLOVAKIO.